## Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

**En landoj:**

**Angla:** F-ino Morton, 49 Mount Pleasant Rd., Dalton, Huddersfield.

**Aŭstra:** Fr. Scheibenreiter, Hermannsgasse 31/26; Wien, VII; abonpagoj al F. Kurtisch, Sechshauserstr. 71, Wien, XIV, poŝtĉekkonto B 72 487.

Belga: H. Rainson, Lange Penninkstr. 17, Mecheln.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉeĥa: A. Valoušek, učitel, Brno-Medlánky; poŝtĉeka konto Brno 102 169.

Ĉila: E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago.

Estona: Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn.

Franca: Pierre Pichon, Champtoceaux (Maine et Loire.)

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857.

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

**En landoj:**

Hispana: Ferd. Montserrat, Provenza, 99, 1°. 4, a, Barcelona.

Hungara: Bleier Vilmos, Mester-u. 53. V. 7, Budapest, IX.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Jugoslava: Svetislav S. Petroviĉ, Novosadska 7, Pirot.

Latva: S-ino O. Juŝen, Riga, Slokas iela N. 112 dz. 1.

Litova: Mok, A. Prapuolenis, Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte. Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90 544.

Norvega: Nils Okland, Rommesveit. Stord.

Sveda: Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6. Stockholm, poŝtĝiro 50 304.

Svisa: S-ino N. Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo.

Urugvaja: Pedro Casas, San José 1123, Montevideo.

U. S. A.-a: David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor.

## Abonprezo

**Tutjara abono 1 USA-dol., Duonjara provabono ½ dol., Opa numero ¼ dol.**

La abonprezo estas fiksita en dolaroj nur pro ĝia stabila valoro. Niaj agentoj kompreneble akceptas egalvaloron en nacia mono. Kiu sendas la abonprezon rekte al la administracio, bonvolu uzi plej eble dolarojn.

**Membroj de la Germana asocio** sendu la kotizon al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer“, Girokasse Leipzig-Leutzsch, Girokonto 278 57.

**Membroj de la Saksa asocio** al k-o Karl Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 11 63, poŝtĉekkonto: Dresden 156 09.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

11-a jaro. Numero 2
Marto-Aprilo 1932

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk.: Dresden 263 79
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch. Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.



RICHARD SEYFERT
la fondinto de la universitata preparado por la popolinstruistaro saksa
estas la 20-an de aprilo 70-jara

**ENHAVO:** La universitata porprofesia preparado de instruistoj por unuagrada skolo (al 131) — La unua eĥo (al 132) — Manlaboro laŭ Fröbel en la junulinklasoj de pormetiaj lernejoj (al 133) — Premioj de konkursoj sciencaj (al 211) — Alvoko! (al 211) — La programo de IPSI (al 211) — La atencoj kontraŭ la popolinstruado en Nederlando (al 213) — Esperanto-Unuiĝo de Berlinaj Geinstruistoj (al 221) — Pri la peresperanta eksterlanda infankorespondado (al 221) — 24-a Universala Kongreso de Esperanto (al 222) — Dek jarojn Internacia Pedagogia Revuo (al 24) — Por TAGE mi proponas: (al 24) — Oficialaj kunsidoj (al 24) — Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj (al 24) — Sukceso por IPR (al 24). — Aldono de Korespondo-Oficejo.

---

# La universitata porprofesia preparado de instruistoj por unuagrada skolo*).

De Profesoro D-ro Richard Seyfert[1]).

La germana regna konstitucio de Weimar deklaras en paragrafo 143: La preparado de instruistoj unuece por la regno estas regulenda laŭ principoj kiuj validas ĝenerale por akademia instruiteco. Tio signifas: Instruisto, do eĉ instruisto por unuagrada skolo (= popolinstruisto) lernas ĝeneralajn konojn kaj teknikojn en mezgrada skolo, ekz. en gimnazio, kaj ricevas la fakan preparon en universitato. La cititan deklaron preskaŭ unuanime aprobis la nacia porkonstitucia kongreso. Tio plenumis postulon starigitan de la instruistaro depost jardekoj. Jam al la Frankfurta nacia kongreso 1848 estis prezentita tiu postulo, kaj ĝi ankaŭ estis aprobita. Malamikoj batalis kontraŭ la aferon riproĉante la popolinstruistaron, ke ĝi postulas nur pro tio universitatan preparadon por si, por ke ĝi atingu per tio pli altan socian prestiĝon. Tio estas falsaĵo. Pli alta preparado kontraŭe estas kondiĉata per nuntempa tasko de la popolskolo.

L a f u n k c i o d e l a p o p o l s k o l o ankaŭ en Germanujo, kiel en aliaj kulturŝtatoj, daŭre plialtiĝis. Popolskolo komence estis helpanto al familiaro. Ĝi instruis legadon, skribadon kaj kalkuladon, do utilajn konojn kaj teknikojn, kiujn junularo por praktika vivo estis bezononta, sed ne povis lerni en familio, ĉar gepatroj aŭ pro ekonomiaj kaŭzoj ne povis okupi sin pri tio, aŭ ili mem ne scipovis tiujn teknikojn. Sed por edukado de junularo tute zorgis la familio. Edukado ja estas ĝenerala homa funkcio socia, kiun laŭnature realigas unuavice la familio, kaj per tiu povas esti realigata sufiĉe en primitiva sociostato. Dume ekzistis mastruma ekonomio kiel ĝenerala ekonomia formo, familio estis laborkomuno kaj tiamaniere posedis la plej

---

*) skolo estas uzata en la senco de institucio, lernejo estas ejo.

[1]) Biografia noto: Vizitinte seminarion instruistan, Seyfert estis popolinstruisto (1881—88) kaj lernejestro (1888—1903). Dum la jaroj 1895—97 li studadis ĉe la universitato Leipzig-a. 1903 ĝis 1919 li instruadis en saksa seminario, de 1908 estante direktoro. Post la revolucio li partoprenis la porkonstitucian kongreson. 1919—20 li estis skolministro de Saksujo. Lia nomo restos ligata kun la saksa leĝo (1923) pri universitata preparado por la popolinstruistaro. Li fondis la Pedagogian Instituton de la Teknika Altlernejo Dresden-a. De 1. 1. 1924 li estas profesoro de pedagogio. La 1-an de novembro 1931 li transdonis la direktecon de la Pedagogia Instituto al la posteulo profesoro D-ro Luchtenberg (el Darmstadt). K. R.

gravan edukrimedon, la laboron. Per la evoluo de la ekonomio al nacia kaj internacia ekonomio elfunde aliiĝis la strukturo de la familio. La laborejo foriĝis de la loĝejo, la patro apartenis al sia familio nur dum sia libera tempo. Ĉiuj sociaj rilatoj de familio al interne kaj ekstere tute aliiĝis, precipe plimalgrandiĝis edukaj povoj de familio. Aliflanke daŭre pligrandiĝis postuloj je spirita kaj ekonomia laborkapabloj de individuo kiel de tuta popolo. Necese evoluis publika institucio por instruado tiel, ke ĝi transprenis pli kaj pli da taskoj, kiujn povis solvi iam la familio. Organizita nacio havas grandan intereson por taŭga eduko de sia junularo. De tio ekonomio kaj kulturo grandmezure dependas. Ŝtato kiel esprimo de organizita nacio agnoskas pli kaj pli edukadon de juna generacio kiel tasko sia. Ju pli komplikiĝas ĉiuj vivcirkonstancoj, des pli kreskas la tasko de la skolo laŭ enhavo kaj signifo. Kaj el vidpunkto de individuo, kiu sentas kiel rajton la disvolvigon de siaj povoj, kaj el vidpunkto de nacio instruiteco, lernado kaj skolorganizo progresante pligraviĝas. La skolafero fariĝas memstara parto de publika administrado, kiu estas transdonenda al speciale preparita profesia istaro, la pedagogoj. Skolo fariĝinte interne aŭtonomia sekvas sian propran internan leĝon. Kvankam ĝi komence restas dependa de influo de familiaro, dependa de potencoj ŝtataj kaj de regantaj klasoj, tamen vere respondaj estas por la sukceso la pedagogoj. Ekkoninte tiun respondecon, la instruistaro devas klopodi, ekipi sin interne tiel, ke ĝi povas ankaŭ porti ĝin. Tial morale estas motivita la postulo de profesia instruistaro, pliprofundigi ĝian profesian preparadon. Estas erara opinio, ke konsciaj instruistoj povu allasi, ke por ili estu destinate de ekstere pri mezuro kaj maniero de ilia agado. Kompreneble ili devas prijuĝi racie kondiĉecon kaj limojn de siaj agadebloj, sed interne de sia laborkampo ili volas kaj devas agi aŭtonomie, laŭ plej bona kompreno kaj konscio pri siaj devoj al ŝtato kaj nacio. La pedagoga profesio postulas profundan komprenon por juna homo, en kiu dormas fortoj de estonto kaj atendas sian vekiĝon, multampleksan konon kaj lertan scipovon de formoj pedagogiaj kaj de efikaj edukrimedoj, kaj klaran ekkonon de la tuta kultura situacio, kun kiu la pedagogio estas kunkreskita. Malamikoj de universitata preparado por popolinstruistoj ofte samtempe malamas bonan instruitecon de popolamaso. Ili asertas, ke estas la tasko de popolskola instruisto, instrui al junularo skribadon, legadon kaj kalkuladon, lernigi eklezian dogmaron kaj kelkajn konojn, kiuj nepre estas necesaj por praktika vivo. Tion plenumis iam simplaj metiistoj kaj eksmilitistoj, pro kio ne estas komprenebie, ke nun por tio estas bezonata akademia preparado. Tiu opinio elkreskas el antaŭjuĝo laŭklasa kaj vidigas nur bedaŭrindan pozicion nesocialan kontraŭ bezonoj de la popolamaso. Nur politike tia pozicio (starpunkto) estas konsiderebla kaj kontraŭbatalebla. Estas vane disputi ĝin de pedagogia starpunkto. Ĝi plene miskomprenas la signifon de bona popola eduko por la ekzisto de ŝtato kaj por la ekonomia forto de popolo. Oni hodiaŭ tro malzorgas pri la skolo, precipe popolskolo. La instruistaro protestas senefike. Tial ni havas devon zorgadi pri tio, ke malgraŭ cirkonstancoj malhelpantaj la instruisto faru sian plej bonan, kaj pro tio ni devas postuli, ke la preparo de popolinstruisto fariĝu la plej bona.

Surbaze de la Weimar'a konstitucio en pluraj germanaj landoj la prepar-

ado de popolinstruistoj estas nove aranĝita, vere kaj ekzakte konformas la sencon de la konstitucio — laŭ nuntempa stato — nur la institucioj en H a m b u r g kaj S a k s u j o. En Saksujo 1922 per leĝo estis ĉesigata la funkcio de la ĝistiamaj institucioj por popolinstruisto-preparado, la „seminarioj". 1923 la universitato Leipzig kaj la Teknika Altlernejo Dresden per leĝo estis komisiataj realigi la profesian preparadon de la popolinstruistoj. Paskon 1923 en Dresden la nova preparado komencis. La proponoj, kiujn mi faris kiel fakreferanto en la ministerio, kiujn mi poste kiel direktoro de la Pedagogia Instituto de la Teknika Altlernejo provis efektivigi kune kun profesoroj kaj docentoj ĉe la Instituto, baziĝas sur jenaj principoj: L a p l a n o de studado de pedagogio estas derivenda unuflanke el n u n a s t a t o d e l a p e d a g o g i o k i e l s c i e n c o, aliflanke e l n u n a j t a s k o j d e l a p o p o l - s k o l o. Pedagogio nuntempe validas en germanaj universitatoj kiel parto de la filozofio, same kiel la psikologio. Ĉu tiu opinio daŭre povos esti konservata, restu nedecidite. Tial nuntempe en Dresden estas docentata sistema pedagogio kiel f i l o z o f i o d e e d u k a d o, krome h i s t o r i o d e l a p e d a g o g i o. Kiel specialaj filozofiaj fakoj al studentoj estas prezentataj e t i k o, l o g i k o kaj e s t e t i k o. Krome ili diligente devas studadi la p s i k o l o g i o n. Tiuj sciencoj estas docentataj sen speciale pedagogia celo. Sed mi tre deziris kaj postulis, ke certaj ekzercadoj en tiuj fakoj enhavu pedagogiajn problemojn. Studento ricevas gravegan ekkonon por sia posta profesia laboro en tiaj prelegoj kaj ekzercadoj; ĉu profesoroj akcentas tion aŭ ne. Historio de la pedagogio montras al li edukadon kiel procedon, kiel socian fenomenon, pri kiu li ne nur pripensu, sed en kiu li kunagas kiel instruisto kaj homo. La sistema pedagogio filozofie elmontras praktikajn problemojn de eduko. La studento ekkonas, kiel tiaj problemoj reciproke kunteniĝas kaj rilatas al aliaj spiritaj fenomenoj. Samtempe li perlaboras iom post iom principan sintenadon al ili. Etiko, logiko kj estetiko montras al li celojn de pedagogia agado. La psikologio malfermas vojojn al praktika solvo de edukaj kaj didaktikaj taskoj. Ĉu studado de tiuj fakoj estas sukcesa rilate al lia porpedagoga preparo, tio dependas certagrade de la maniero, per kiu ili estas prezentataj, sed pli forte de li mem, nome de tio, ĉu li kapablas memstare akiri klerecon el la instruo.

Se eduko kaj pedaĵo estas realaj, studento devas renkonti ilin en sia studado kiel realaĵojn, ke li provu klariĝi pri ili observante kaj pensante, precipe ke kunkresku kun la pedagogiaj procedoj lia tuta personeco. E n l a P e d a g o g i a I n s t i t u t o k u n ĝ i a u n u a g r a d a l e r n e j o gestudentoj trovas ilin realigataj. Tia instituto por la universitato estas novaĵo, komparebla kun kliniko (en medicina studado) aŭ kun poreksperimenta arbaro (en porforstista studado). La Pedagogia Instituto havas apartan strukturon — laŭ propreco de instruado — ĝi havas apartan labormetodon — kondiĉo por tio estas la fakto, ke pedagogio estas praktika scienco, en kiu senco mi nomas ĝin p e d a j o l o g i o [pediologio*)]. La Pedagogia Instituto en Dresden jene estas aranĝita: Centron formas lernejo, tia lernejo, kiaj estas Dresdenaj popollernejoj. Ĝi havas propran distrikton kaj akceptas ĉiujn lerndevajn infanojn de la distrikto. Por ĝi validas la landa lerneja leĝaro, escepte de tio, ke ĝin inspektas ne ŝtata aŭ urba skol-distriktestroj, sed sen-

*) komparu: enciklo-pedio.

pere la ministerio. I n s t r u i s t o j d e l a i n s t i t u t a l e r n e j o e s t a s l a d o c e n t o j de la Instituto. Ili prenas sur sin la tutan instruadon, sed estas helpataj ĉe tio per a s i s t a n t o j, junaj akademie preparitaj instruistoj. Plej grava principo de la Dresdena Instituto estas, ke ĉiu docento (escepte de tiuj, kiuj instruas arto-teknikajn fakojn) estas ĉefa instruisto de klaso, ke la tuta lernejo prezentu sin kiel laboro de la Instituto. Ni malaprobas tian institucion, ke docentoj kaj studentoj montrigas al si lernejan laboron ekster la Instituto kaj prenas ĝin kiel ilustraĵoj al sia instruado. D o c e n t o s a m t e m p e e s t a s i n s t r u a n t o d e l a g e s t u d e n t o j, kiuj gaste aŭskultas la klasan instruadon dum unu jaro posemajne minimume unu antaŭtagmezon. La docento klarigas al ili dum postaj priparoladoj la travivitan realon. Docentoj estas instruantoj por la speciala didaktiko. Necese estas, ke la t u t a d i d a k t i k o estas dispartigata. Tio fariĝas en du vicoj. Pri la unua decidas la fakoj instruaj: germana lingvo, religio, geografio, laborologio, naturologio, matematiko — pri la alia vico la ŝtupaj instruaj: elementa, fundamenta, supera ŝtupoj. Arto-teknikaj fakoj estas pritraktataj ankaŭ primetode de docentoj kompetentaj. Plena studado de ĉiuj specialaj fakoj didaktikaj ne estas postulata. Dum kvin semestroj studento aŭskultas po unu prelego kaj partoprenas ekzercadojn kunligitajn kun ĝi. Kiel eble plej baldaŭ li partoprenu agante la pedagogiajn aferojn. Komence li lernu libere konduti kun la infanoj, paroli, ludi, labori, migradi kun ili. Post tio li helpu en la instruado. Kutima libera instrumaniero ebligas tion altmezure. Antaŭ la kvara semestro li p r a k t i k a d a s d u m k v a r s e m a j n o j, dum kiu tempo li kune kun la docento faras ĉiujn necesajn laborojn en la klaso, dum certa tempo li ankaŭ mem instruas. Por ke li povu fari tion plenforte, li devas uzi por tio parte siajn feriojn. En la lasta studjaro antaŭ la sesa semestro, li plenumas „e k s t e r a n p r a k t i k a d o n", kiu daŭras ses semajnojn. Dum tiu tempo helpate de popolinstruisto li memstare gvidas lernejklason, transprenas en ĝi la tutan instruadon. Tiu parto de la studado montras propreca agadmanieron. La studento devas agi memstare. Ĉe tio komence helpas al li lia pedagoga instinkto. Kion li faras, tion li antaŭe devas bone pripensi, sed dum la agado li unue havas sian pedagogan instinkton. Per profunda postpripensado li konsciiĝas pri ĝusta kaj falsa agadoj. En nova agado li elprovas tiel gajnitajn ekkonojn. Tio estas labormaniero de la moderna skolo, la laborskolo. Tiun labormetodon ni volas levi sur akademian ebenon. Ni tute ne intencas, enkonduki la studenton metiece en lian profesion. Multon nur senpere li povas travivi, ekzemple la personecan momenton en la efiko de sia docento, aŭ la malfacilaĵojn de la pedagoga agado kaŭzitajn per sia propreco; sed ni restas konsciaj, ke ni agas kun gestudentoj, kiuj deziras esti enkondukataj — kiom eble — e n p e d a g o g i a n t e o r i o n (kiom eble t e o r i o povas klarigi la praktikon). Problemoj por la pedagogia pripensado elkreskas el vidita aŭ pli bone el propra farado. Ke tia laboro estas scienca, pri tio studento de la pedagogio devas klariĝi: kaj dum la priparoladoj post instruado, kaj dum la praktikadoj, pri kiuj li devas ellabori ekzaktajn raportojn. Pro tiu celo estas aranĝataj ankoraŭ specialaj ekzercadoj, tiel nomataj „l a ŭ f a k a j p r i m a t e r i a j e k z e r c a d o j" kaj „e k s p e r i m e n t o-d i d a k t i k a j e k z e r c a d o j". En la laŭfakaj ekzercadoj la studento lernas atenti pri la strukturo de materio. Ni opinias falsa la provon, tralabori komplete dum la studado la instru-

fakojn de la unuagrada skolo. Sed ni postulas, ke ĉiu el la gestudentoj sin dediĉu al scienca fako kiel „l a ŭ v o l a  f a k o“, por instigi sian senton por scienco ankoraŭ de alia flanko. Cetere ni konfidas al lia konscienceco, ke li — estante instruisto — ne iros al leciono sen sufiĉa preparo. Preparado mem estas laboro, kiu devas esti farata per scienca severeco, tial devas esti ellernata. La laŭfakaj primateriaj ekzercadoj samtempe estas prezentataj multnombre, ke studento povu elekti kelkajn laŭ sia volo. Kaj „e k s p e r i m e n t a j  e k z e r c a d o j“ ekkapabligu la studenton, science esplori la esencon de didaktika procedo. Li lernu ekkoni didaktikajn situaciojn, kaj analizi ilin en iliajn elementajn momentojn didaktikajn, por ekzakte ilin esplori.

Entute ni provas, igi kiel eble plej konformaj teorion kaj praktikon, ekestigi sintenon de studento, en kiu laŭnatura agado kaj scienca kompreno profunde apartenas unu al la alia kaj reciproke sin apogas. Sed tio nur estas ebla, se dum la tuta studado ekbruliĝas vera ardo por la tasko, nobela entuziasmiĝo, kiu direktiĝas same al klera ekkono kiel al ĝusta kaj taŭga agado. Tia entuziasmo neniel povas estiĝi per nura instruo, ĝi devas evolui per ekzemplo. Tial postuloj je docentoj estas tiom altaj.

Ĝ e n e r a l a  p e d a j o l o g i o (p e d i o l o g i o) peras enkondukon en praktika-pedagogian pensmanieron, samtempe resuman kaj sisteman ordigon kaj pripensadon pri ĝeneralaj demandoj de la agado en la lernejo. Ĝi estas prezentata dum la unuaj semestroj kaj montras la laboron de la popolskolo meze de la spirita vivo de la nacio. Samtempe ĝi intencas konsciigi al studento la pedajan (pedian) procedon en individuo. Sur la bazo de propraj travivaĵoj studento devas provi ekkoni la procedon pedajan (pedian), de tie li devas trovi vojon al infano, al ties animo kaj al sia pedagoga tasko.

Facile estas ekkoneble, ke per la popolinstruista preparado la universitato ricevis novan taskon, sed ne taskon, kiu estas fremda al ĝia strukturo kaj ne konformas ĝian dignon. Enhavo kaj celo de la nova tasko estas tiom altvaloraj, ke ĝi estas komparebla kun ĉiu alia. Sed tiu tasko portas en si mem sian leĝon. Ne estas tolereble, ke oni nur altrudas al ĝi ekzistantajn instituciojn kaj tradiciojn de la universitato. Oni devas doni al ĝi instituciojn kaj labormetodojn, kiuj necesas sekve de ĝia propreco, oni devas permesi al ĝi tempon, kiun ĉio nova bezonas, por atingi tra unuaj provoj la firmajn formojn. Tiaj formoj disvolviĝis per komuna laboro dum pasintaj jaroj. Kredante sian internan rajton, laŭsperte estante certaj, iri sur la ĝusta vojo, kunbatalantoj defendos la universitatan popolinstruisto-preparadon kontraŭ atakojn.

Esperantigis Rudi Wappler.

Redak. noto: Richard Seyfert aperigis 1930 sian ĉefverkon „Allgemeine praktische Bildungslehre“ (= Ĝenerala praktika pediologio) ĉe la eldonejo R. Oldenburg en München, kaj 1931 la verkon „Volkstümliche Bildung als Aufgabe der Volksschule“ (= Popoleca pedio kiel tasko de la unuagrada skolo) ĉe la eldonejo Alwin Huhle en Dresden.

# La unua eĥo!

Tre estimata sinjoro doktoro!

Vi plendis pri la seneĥa lando Esperantujo, el kiu ne venas respondoj al viaj leteroj. Malĝentila lando eĉ ne respektanta la plej simplajn fizikajn postulojn! Ĉu en nia modesta anguleto ni provu savi la kulturan kaj natursciencan honoron? Jen triobla eĥeto!

Unue: Ni dankas vin, karega doktoro, sincere kaj korege. Per viaj afablaj leteroj vi faris al ni grandan ĝojon. Jam la unua vekis nian plej fortan intereson, kaj tuj ni decidis, fari viajn pedagogiajn alskribojn temo ne nur de legado kaj tradukado, sed efektive de penetra studado kaj akra diskutado. Vi povas kredi, sinjoro, ke ĉiu via vorto estas atentita, ekzamenita, prijuĝita ĉiuflanken. Estis la ambicio de ĉiu el nia dekduo da pedagogiaj harfendemuloj, trovi en via argumentado iun ajn malfortan punkton, kiu permesu al ni, kroĉi niajn kritikajn rimarkigojn, kaj per tio havigu al via dankema legantaro la vere pedagogan ĝuon de l' plibonscio. Ju pli vi leteris, des pli ni spionis. Nun vi estas fininta la serion de viaj amindaj epistoloj, kaj ni resumu la rezultojn de niaj homamaj klopodoj. Jen la rikolto!

Due: La kritikemuloj en nia rondo forte bedaŭras, ke ili nur tre malsufiĉe atingis la celon de sia malbonvolo. Viaj argumentoj entute ja estis tro devigaj. La kerno de via analizo: la diferencigo inter eduko kaj pedaĵo, la difino de ambaŭ nocioj, la priskribo de la sferoj kaj rimedoj, en kiuj kaj per kiuj ili agas, ĉio estas tiom neatakebla, ke eĉ la plej obstinaj batalemuloj inter ni verdire devus esti devigitaj, demeti la armilojn. Sed tio estus tro doloriga seniluziiĝo por ili. Do, iaforme ili devis esti pravaj. Pro tio ili kunigis ankoraŭfoje ĉiujn siajn fortojn, por konstati tion ĉi: La populara difino de la nocio eduko, populara ankaŭ inter la instruistaro, estas alia ol la via, sinjoro. Edukado estas la superordita nocio signifanta ĉ i u j n pedagogiajn agojn kaj sintenojn. Asertante, ke eduko estas nur la alkutimigo al la socia medio, vi malplivastigas ĝian sencon ĝenerale aprobitan. La vortdeveno ne povas decidi. Gravas nur la efektiva vortuzo, kaj tiu ĉi kontraŭstaras vian difinon. Demandu iun ajn inteligentan patron, kion li atendas de la eduko de sia filo! Li respondos: „Kreskigi lin al eble plej perfekta homo. Kompreneble, li lernu ĉion necesan, por trovi sian vojon tra la labirinto de l' reala vivo. Kompreneble, li alkutimiĝu al la moroj de sia socia medio en tiom, kiom ili estas bonaj kaj utilaj. Sed kompreneble ankaŭ, li fariĝu memstara, mempensa, memaga homo, kiu necesakaze ankaŭ kapablas forte r e z i s t i al la postuloj de sia medio kaj eĉ kunhelpi a l i f o r m i ties pensmanieron kaj morojn. Ĉion ĉi tion mi celas esprimi, dirante, ke mia filo estu edukata!" Do, laŭ la ĝenerala vortuzo la eduko enhavas ankaŭ la pedaĵon (aŭ, por diri pli ĝuste, la pedaĵigon, ĉar la pedaĵo mem ja estas objekto ne de la pedagogio, sed de la psikologio). Ne estas konsilinde, atribui pli-malpli arbitre al iu ajn scienca vorto alian sencon ol la tradicia, alie oni pli konfuzas ol klarigas. Se estas necese, kiel ankaŭ ni kredas, aparte karakterizi la sciencon pri la alkutimigo al la medio, serĉu aŭ forĝu alian terminon efektive neriproĉeblan, kaj ni dankos vin, tre ŝatata sinjoro doktoro, sen ia limigo! Tiel diras la ĉiampravuloj!

Trie: Spite de tio, ni ĉiuj sincere bedaŭras, ke via leterserio jam finiĝis. Artikoloj kiel „Eduko kaj Pedaĵo" altgrade instigas la intereson kaj pripens-

emon de la legantaro tiom per sia neordinara enhavo, kiom per sia konciza. klara kaj agrabla formo. Pro tio korege ni petas vin, bonvolu daŭrigi tian meritplenan laboron. Ni promesas al vi ankaŭ estontan respondon el la seneĥa lando Esperantujo. Se niaj „malfortaj fortoj“ sufiĉos al tio.

Bonvolu, tre estimata sinjoro doktoro, akcepti niajn plej sincerajn salutojn.

Via ĉiam sindona

Geinstruista Esperantista Grupo en la distrikto Dresden II
Komisiite Dr. K r a n e r.

---

# Manlaboro laŭ Fröbel en la junulinklasoj de pormetiaj lernejoj.

De pormetia supera instruisto Albrecht Naumann, Großenhain, Sa. (Germ.).

August Friedrich Wilhelm Fröbel naskiĝis 21. Aprilo 1782 en Oberweißbach (Turingujo), restis 1808—10 ĉe Pestalozzi en Ifferten, fondis 1816 edukinstituton en Keilnau (Tur.), 1837 la unuan infanĝardenon en Blankenburg (Tur.), seminarion por infanĝardenistinoj, mortis 1852 en Marienthal. La ĝenerala germana instruista kunveno 1852 konsentis liajn ideojn. La konata pedagogo germana Diesterweg defendis la laboron de Fröbel.

La pedagogia pensaro de Fröbel ankaŭ en la nuna tempo ne jam estas elĉerpita. Oni nur realigis parton de liaj ideoj en la moderna lernejo. Abunda trezoro estas realigenda. Multon povas lerni la edukistaro el la idearo de Fröbel, kiun li fiksis en sia ĉefverkaĵo „Menschenerziehung“ (Edukado de l' homo.). Ĝis nun oni kunligas kun la nomo „Fröbel“ nur la ideon de „infanĝardeno“*). Sed la celado de Fröbel estis pli vasta.

Dum la lastaj jaroj la pormetiaj lernejoj ekkaptis la ideojn de Fröbel, por doni valoran kapablon al la junulinoj.

En Saksujo oni aranĝis la ŝtatan devigan lernejon por junulinoj inter la 14-a—17-a vivjaroj en 1920. Multaj lokoj iom post iom kreis tiajn lernejojn. Tiuj, kiuj kun profunda kompreno aranĝis la lernejan sistemon en ampleksa formo, tiuj ankaŭ pensis pri enkonduko de la lernantinoj en la ideojn de Fröbel. La lernintinoj posedu praktikajn ilojn por la vivbatalo. Kaj tion mi devas esprimi jam anticipe: Tiu instrufako estas tre valora por la estontaj servistinoj, mastrumaj dungitinoj, vartistinoj de infanoj. En mia loĝloko oni jam multe preferas tiajn instruitajn helpantinojn, kvankam oni iomete ridetis je la komenco de la enkonduko de tiu nova fako. Bedaŭrinde tiu instruado nur estas eble en la t. n. plenklasoj, klasoj kun plena horaro kun 30 instru-

*) „Infanĝardeno“ ne estas ĝardeno, sed ĉambro, en kiu estas edukataj infanoj 3—6-jaraj per okupado kaj ludado. Ofte ĉirkaŭas tiun domon ĝardeno, por ke la infanoj povu ankaŭ ludi en la suno kaj freŝa aero per la sablo. Pro tio la nomo infanĝardeno.

horoj posemajnaj. La aliaj junulinoj vizitas la lernejon ja nur dum 8—10 horoj, en aliaj lokoj ofte ankaŭ en pli malmultaj! En la pormetia lernejo en Großenhain oni permesis nur unu horon por la instruado en la manlaboroj laŭ Fröbel, certe tro malmulte da tempo!

Hodiaŭ ni havas pli ampleksan opinion pri la nocio**) manlaboro laŭ Fröbel aŭ Fröbel-manlaboro. Sed antaŭe mi priskribos la sistemon de Fröbel mem.

Jam dum la restado en Svislando Fröbel elpensis kaj faris ludilojn. En Blankenburg (Turingujo, Germanujo) li nun fabrikis ilin. Per dimanĉ-gazeto la novaj pensoj estas disvastigataj. En la titolo de tiu gazeto estas legebla: „Venu, ni vivu por niaj infanoj!“ Jam 1838 li pensas pri infanĝardeno, sed antaŭe li kreis „donaĵojn“ por infanoj kaj edukistoj. La unua donaĵo estas pilko kun ŝnureto. Dua estas kubo kaj kuglo, tria la dispartigita je 8 partoj kubo, kvara ĝis sesa donaĵoj dispartigitaj alimaniere kuboj. Ili fortigu la povon kaj volon de la malgrandaj infanoj. La infano akiras la imagojn de posedo, estinta posedo, atendado de nova posedo, de la tempoj estanta, estinta kaj estonta. La dispartigitaj kuboj donas instigojn kaj modelojn por nova agado. La sinokupado per la ludiloj kaŭzas ankaŭ alkutimiĝon al la deviga laboro en la lernejo. Post la ludado per la donaĵoj sekvas la metado de bastonetoj, por formi figurojn, aŭ la konstruado de formitaĵoj ĉiuspecaj pere de ligantaj la bastonetojn pizoj aŭ korkpecetoj. Aliaj helpiloj estas plektado, surfadenigo de perloj kaj modlado per argilo, faldado aŭ eltranĉado de papero. La unuaj donaĵoj havas karakteron de elementa matematiko. Tiu genia simpleco estas adekvata al la nekomplika esteco de l' infano. La donaĵoj sufiĉas al la postuloj de l' spontaneeco. La ludado per ili estas nur okupo, ne laboro. Ĝi ne celas laboraĵon, nur instigon al ĝojo pri laborado. La infano nur lernu la teknikan lertecon. Kion ĝi konstruas poste, tion ni lasu al ĝia decido.

Por enkonduki siajn ideojn, Friedrich Fröbel fondis 1839 „Lud- kaj Okup-instituton“ en Blankenburg. En tiu instituto sekvis post la ludado ankaŭ okupado en ĝardeno. Kaj la tria okupo estis ludoj kun movoj.

La hodiaŭaj infanĝardenoj laŭ Fröbel plej ofte ne atentas tiujn tri okupojn: ludiloj — ĝardeno — movludoj. Precipe la ĝardeno ne estas atentata. Oni ankaŭ ne multe ŝatas la komencajn ludilojn kun matematika eksteraĵo. Multe oni okupas sin per plektado de paperslipoj, de paperslipoj en foliojn, per faldado de folioj kvadratformaj. Tiun lastan oni uzas, por formi ornamaĵojn el papero. Ofte ankaŭ estas formataj el ili bestoj, mebloj ktp., formoj, kiujn la infano vidas hejme aŭ en la ĉirkaŭaĵo de l' gepatra loĝejo.

La modernaj Fröbel-anoj aldonas al tiuj okupoj ankaŭ la eltranĉadon de vivformoj el kolora papero. Ili estas kunigataj je bildoj. Per multaj tiaj estas verkataj bildolibroj donacotaj al gefratoj. Multe ŝatataj estas laboraĵetoj el basto diverskolora: submetaĵoj, skatoletoj, korbetoj por diversaj celoj ktp. Kelkfoje oni aĉetas duone pretigitajn skatoletojn, malantaŭaĵojn por kalendaro aŭ alumetujo, kiujn la infanoj pli aĝaj ornamas. Kartonoj kun bildoj simplaj estas kudrataj per lano kolora, restaĵoj de la laboro de l' patrino.

La junulinoj en la pormetia lernejo ekzercas ĉiujn tiajn teknikojn. Ankaŭ ili ne ricevas pretigitajn formojn, ne, nur instigojn. Dum la leciono estas

**) Pri „nocio“ vidu IPR 1930, p. 149!

priparolataj la diversaj eblecoj, kaj poste komenciĝas vigla laboro de la lernantinoj. Ili mem kreas formojn, ornamaĵon, elpensas bildojn ktp.

Sed mi ekvidas alian ĉeftaskon de la klerigado de miaj lernantinoj en tio, ke ili posedu la lertecon, agrabligi la ĉambron de l' infano. Bildojn el multkolora papero ili kungluis, por ornami la muron; scenojn el fabeloj rakontitaj ili gluis. Subvitrigado kaj enkadrigado de l' bildoj ankaŭ estis ekzercataj. Por tiu celo ni ankaŭ uzis bildojn el prospektoj de librejo.

Grava tasko estas, alkutimigi la lernantinojn, havi kuraĝon, ripari difektitajn ludilojn de l' infanoj. Ni kungluis disŝiritajn bildolibrojn („nedisŝireblajn"!), skatolojn ktp.

Multajn instigojn ni ricevis el modĵurnaloj kaj infangazetoj. Ili ĉiuj enhavas de tempo al tempo taskojn, por fari iun ludilon el diversaj malmultekostaj materialoj. Tiajn instigojn ni legis, priparolis kaj hejme konstruis. Tiel ni povis kunmeti urbojn el diversspecaj domoj, vilaĝojn kun multaj arboj ktp.

Malgraŭ tiuj multegaj laboroj ni ne forgesis la humorplenan desegnadon de simplaj formoj. Ni lernis ankaŭ mallongajn poemojn kun koncernaj movoj, ludkantojn, por formi meblojn ktp. pere de la fingroj.

Ĉi ĉion dekomence ni kolektis en aparta mapo. La lernantinoj nun havas abundan trezoron por sia profesia laboro en la familioj. Por doni eblecon, ke ili vidu la infanan fervoron dum la okupo, mi priparolis tion kun la gvidantinoj de du infanĝardenoj en la urbo. Kun multa kompreno ili tuj konsentis, ke la lernantinoj vizitu kvinope la antaŭtagmezan laboron en la infanĝardeno. Post la observado de ĉio ili faris raporton skriban pri la spertoj, ornamita per multaj desegnaĵoj. El la raportoj mi ekkonis, ke mi faris praktikan, ĝojigan provon, kiun mi ĉiujare ripetis.

Por kompletigi la aferon, mi nur mallonge aldonas, ke D-ro Maria Montessori, medicinistino kaj estrino de infanĝardeno en Romo, elpensis modernan formon de infanĝardena sistemo. Mi multe ĝojus, se iu itala kolego aŭ -ino verkus artikolon pri tiu sistemo, ĉar multaj pedagogoj kritikas tion, ke per ĝi Montessori forigus la krean ludon favore al tro frua meĥanika laboro. Por la fantazio de l' infano ne plu estus loko en la sistemo. La infanĝardeno iĝus per ĝi „ĉambro de intelekta laboro", lerneja speco kun „individuaj horoj". Mi ankaŭ aŭdis, ke nun ekzistas du opinioj pri la sistemo: liberala (gvidanto estas Gerhards) kaj ortodoksa (Montessori, Lombardo-Radice).

Fine mi demandas la estimatajn gelegantojn: Kie oni ankaŭ instruas Fröbel-manlaboron en pormetiaj aŭ similaj lernejoj? Bonvolu raporti al mi (supra adreso sufiĉas!) pri tio: 1. Instruplano pri tiu fako? 2. Semajna instrutempo. 3. Aĝo de la lernantinoj. 4. Diversaj specialaj aldonoj. Respondado el multaj landoj estas necesa, ĉar mi prilaboras plue tiun temon. Kaj pro tio la kiel eble plej ampleksaj respondoj pli gravigus mian laboron! Do, bonvolu helpi! Ĝuste la 150-a datreveno de la naskiĝtago de Fröbel (21. Aprilo 1782) estas momento, pli multe okupi sin pri tiu idearo.

**Mortis du famaj pedagogoj:**

**Georg Kerschensteiner (Germanujo), † 15. januaro 1932**
**Ferdinand Buisson (Francujo), † 16. februaro 1932**

## Premioj de konkursoj sciencaj

arangitaj de Universala Kunligo per-por Universala Konscio (vidu IPR 1932, N-ro 1).

Pro la krizo monda la laboro devas esti interrompata. La laboro estos daŭrigota laŭ la povoj de la instituto kaj laŭ atendotaj respondoj de pozitivaj edukistoj.

---

## Gravege! Alvoko! Gravege!

**„Esperanto-ĉambro" en internacia pedagogia instituto!**

En komenco de ĉi tiu jaro estas malfermita en Mainz la „Institut für Völkerpädagogik" (Instituto pri pedagogio de ĉiuj nacioj) en la iama granda kazerno „Citadelle". En la instituto estos montrata ĉio, kio koncernas la instruadon ĉe ĉiuj nacioj de la tuta mondo. Jam 50 ĉambroj estas komplete arangitaj; en la daŭro de la sekvontaj monatoj oni instalos ankoraŭ preskaŭ 100 aliajn ĉambrojn. Pedagogoj el ĉiuj partoj de Germanujo kaj el ĉiuj landoj de la mondo vizitas kaj vizitos tiun instituton.

En tiu instituto estos arangita ankaŭ speciala „Esperanto-ĉambro". Estas la unuan fojon, ke en granda internacia pedagogia instituto estos montrata ĉio, kio koncernas „Esperanton kaj lernejon". La subskribinta ligo estas komisiita de la direktoro de la instituto kompili la materialon por tiu „Esperanto-ĉambro". Por ke ĝi estu vere internacia ni petas tiujn gesamideanojn, kiuj havas taŭgan materialon por la ĉambro, ke ili sendu ĝin al ni. Precipe dezirataj estas Esperanto-lernolibroj kaj -vortaroj en ĉiuj lingvoj, kopioj de dekretoj pri Esperanto-instruado en lernejoj ktp. Se ni ricevos sufiĉe da materialo, la Esperanto-ĉambro jam estos finarangita kiel eble plej baldaŭ. Pro tio ni petas: Sendu tuj la materialon. Jam anticipe ni kore dankas.

Sudokcidentgermana Esperanto-Ligo,
Wiesbaden (Germ.), Walkmühlstr. 25.

---

## La programo de IPSI.

En la lasta numero de IPR (jarkolekto 1931 pĝ. 109) ni jam prezentis al niaj legantoj raporton pri la Somera Altlernejo, okazinta de la 7-a ĝis 13-a de Aŭgusto 1931 en Hamburg kaj arangita en la nomo de Internacia Profesia Sekretariejo de Instruistoj (fako de Internacia Sindikata Asocio).

En la kadro de tiu arangaĵo la Generala Konsilantaro de IPSI kunvenis la 9-an kaj 10-an de Aŭgusto en Hamburg kaj tie verkis proponaron baziĝantan sur la proponoj de Prof. D-ro Zoretti (franco), pedagogia sekretario de l' oficejo de IPSI. Tiu proponaro estos kritike ekzamenata de la komisiono por eduk- kaj klerigdemandoj de Internacia Sindikata Asocio kaj tiam submetata al la proksima kongreso de la Internacio.

Kiel malfacile estis, trovi komunan politikan bazon por libersindikata edukprogramo (rig. IPR 1931, pĝ. 109), montras Lapierre en L'Ecole Libératrice (17. 10. 1931), resumante la kontraŭecon de la franca kaj germana opinioj:

Nia franca penskaraktero batalas kontraŭ la ekkapto de la regado per la monpotencoj kaj kredas ankoraŭ al la ebleco, gardi la principojn de la demokratio kaj evoluigi ĝin al formo de socia justeco. Dume en Germanujo la ideo de la „krizo de la civilizo burĝa" estas enveninta en la penskarakteron germanan, fariĝis parto de la pensaro de Germanujo.

13 milionoj da socialistoj aŭ komunistoj refutantaj la ordon burĝan, kaptitaj por la ideo marksista pri la klasbatalo, konvinkitaj ke ne plu ekzistas por ili supreniĝo socia sen la penado komuna „en ilia klaso kaj per ilia klaso", jen estas unu socia fakto de konsiderinda graveco kaj kun kiu ni devas kalkuli, se ni volas

kompreni la vidpunkton de niaj germanaj kamaradoj en la afero de edukado.

Vera por Germanujo, ĝi ne estas tia por Francujo. De unu flanko kiel de la alia nia eduka programo inspiriĝas de sama zorgo pri socia transformiĝo, sed se laŭ grado de mizero kaj de senesperceco, kien falis Germanujo, iniciatas ĝiajn amasojn popolajn al serĉado de nova ordo per fortaj solvoj, ni restas fidelaj en Francujo al tiuj metodoj de premado, kiujn difinis Léon Blum en sia „discours de Montluçon" kaj kiujn li sintezigis en jenan brilan formulon, pruntitan de Jaurès:

**La socialismo estas komparebla al tiu dia laboristo, pri kiu parolas Homero, kiu sur la ŝildon de Akilo estis gravurinta admirindajn bildojn pri laboro kaj paco. La malmola metalo de la kapitalista mondo komencas siaparte ricevi sub la grifelo de la revolucio gravuraĵon de paco kaj justeco.**

Por la Féderation Générale de l' Enseignement, kies respondecon mi ne volis fiksi en Hamburg, la problemo do restas nesolvita. Ĝi deklaru en plena suvereneco, ĉu ĝi volas sin decidi por la formulo marksista akceptita en Hamburg, aŭ ĉu ĝi interkonsentas resti fidela al la franca fromulo pri la akiro de la socia justeco en la daŭrigo de la demokratio.

La proponon mem ni taksas tiom alta, ke ni ne volas reteni ĝin al niaj legantoj, ĉu aprobantaj ĉu malaprobantaj la celojn de tiu internacio (kaj malgraŭ la kontraŭecoj en ties propraj vicoj).

**Antaŭparolo.**

La Internacia Sindikata Asocio deklaras: la emancipado de la laboristoj, kiun ĝi celas, rilatas same la regnon de la intelekto kiel la regnon de la materio. Ĝi opinias ke ĝi devas labori samtempe en ambaŭ kampoj; tial ĝi taksas necesa, proklami ĝeneralajn principojn, kiuj realigu progrese la emancipadon intelektan per transformado profunda de metodoj kaj programoj en klerigado kaj edukado.

**Celoj kaj rimedoj de l' edukado.**

Artikolo 1-a: La celo de la edukado estas, evoluigi la plenan personecon de l' infano rilate ĝian enordigon harmonian en la kolektivon, akirigi al la infano la rektecojn korpan, intelektan kaj moralan, antaŭenigi ĝin al partopreno aktiva kaj konscia en la progresoj de la civilizo.

Artikolo 2-a: La evoluigo unuparte de la kritikema intelekto, aliparte de la socia sento, estas la ĉefa esenca rimedo de l' edukado postulata de la laboristoj.

Artikolo 3-a: La evoluigo de socia sento nur povas esti permesata en la nuntempa socio, dispartita en kontraŭbatalantaj klasoj, se oni samtempe ekestigas la sencon de tiu klasdividiĝo kaj la ideon de estonta socio senklasa, kian oni devas rekomendi al la homa penado.

**Organizo de la instruado.**

Artikolo 4-a: La lerndevo daŭras ĝis aĝo de 18 jaroj, t. e. 12 jarojn depost fino de la infanĝardeno (kindergarten).

Artikolo 5-a: Instruo kaj lerniloj devas esti tute senkostaj sur ĉiuj ŝtupoj.

Artikolo 6-a: La instruado estas socia afero. Ĝi devas esti administrata demokrate sub kunagado de la profesiaj edukistoj. Ĝi devas esti dependa nek de iu raso, nek de iu konfesio, nek de la kapitalista klaso, nek de iu politika partio.

Artikolo 7-a: Ambaŭ seksoj kaj kiel lernantoj kaj kiel instruistoj estas plene samrajtaj.

Artikolo 8-a: La klasfrekvenco estas malplialtigenda kaj fiksenda nur laŭ pedagogiaj vidpunktoj.

Artikolo 9-a: La lerneja dividaranĝo sin turnas laŭ la intelekta kaj korpa evoluoj de la infanoj. Post 8-jara fundamenta lernejo sekvas 4-jara mezgrada, aŭ porprofesia lernejoj. Infanĝardenoj estas ĉie fondendaj.

Artikolo 10-a: En la lastaj jaroj de la fundamenta lernejo la infanoj pasigas parton de sia instruado en fakaj grupoj, por esplori iliajn inklinon kaj talenton.

Artikolo 11-a: Ĝis la fino de la fundamenta lernejo ĉiu profesia okupado de la infanoj estas malpermesata.

Artikolo: 12-a: La lasta lernejparto estas uzata samtempe por la profundigo de la ĝenerala klerigo kaj por laŭsistema enkonduko en profesion (industrio, komerco, agrikulturo, arto, mastrumado), precipe ankaŭ por la preparado al altlernejo.

Artikolo 13-a: En ĉiu loko gardejo por infanoj estas fondenda.

Artikolo 14-a: Al ĉiuj junuloj estas kreendaj samvaloraj favoraj eblaĵoj al korpa kaj intelekta evoluoj, kaj interne kaj ekstere de la lernejo. Ĉiu valordistanco inter la diversaj lernejspecoj devas malaperi. Tiumaniere la lernejo estos vera kontinua lernejsistemo, laŭ sia konstruo kaj sia spirito.

**Metodoj.**

Artikolo 15-a: La instruo progresas de la konkreto al la abstrakto. Ĝi plivastigas paŝon post paŝo la intelektan horizonton de l' infano, sin limiganta komence je la plej malvasta ĉirkaŭaĵo, per laboro en la lernejo kaj vojaĝoj, kaj kondukas al la profundiĝo dum la fakperfektigo.

Artikolo 16-a: La fundamenta signifo de la ekonomio kaj ĝia tutmonda interplektiĝo devas esti ellaborataj precipe.

Artikolo 17a: La solidareco de la laboristoj estas precipe grave akcentenda. Samgrava estas rigardenda ĉio, kio plifaciligas la komprenon de tiu centra ideo: vojaĝoj, scio de fremdaj lingvoj, precipe de internacia helplingvo. Ŝovinismo kaj militarismo estas kontraŭbatalendaj kun plej granda energio.

Artikolo 18-a: Esenca karaktero de la instrumetodo estas la kreanta laboro, kaj nome kaj por la praktikado de la esprimrimedoj (legado, skribado, kalkulado, kantado, desegnado, dancado ktp.) kaj ankaŭ por la teknikaj lertecoj.

Artikolo 19-a: La lernejo estas aranĝata kiel laborkomunumo. La rilatoj inter la lernantoj reciproke kaj de la lernantoj al la instruistoj estas konstruataj en demokrata maniero (self-government). Interna komunsenco, amikeco, ĝojo, respondа konscio, iniciitaj de la instruisto, kreos en la lernejo sferon de vera komuneco kaj formos el ĝi ekzemplon de la estonta socio.

Artikolo 20-a: En la porprofesia lernejo la cirklo de la krea laboro estas pligrandigita per partopreno de ĉiuj lernantoj senescepte ĉe la vivo de la industrio (aŭ de la komerco ktp.). La laborleĝdono devas limigi la laŭleĝan labortempon je 4 horoj potage (meze) por junuloj de tiu aĝo. La lerndevo por tiuj junuloj ampleksas tiujn 4 horojn da ĉiutaga laboro unuflanke kaj la viziton de la porprofesia lernejo aliflanke.

Artikolo 21-a: La sindikatoj aliĝintaj al la Internacia Profesia Sekretariejo de Instruistoj postulas por la instruistoj de ĉiuj lernejospecoj la plej eble bonan porprofesian preparon. Ili postulas por ĉiu instruisto plenan liberecon en la elektado de liaj pedagogiaj metodoj. Aliflanke ili opinias, ke nur tiuj instruistoj estas kapablaj en la senco de tiu programo, kiuj mem estas konvinkitaj de la neceseco de la socia batalo kune kun la tuta laborista movado.

---

# La afencoj kontraŭ la popolinstruado en Nederlando.

En Nederlando, kiel en preskaŭ la tuta mondo, ankaŭ regas la ekonomia krizo; ne tiamaniere kiel ekz. en Germanujo, sed oni almenaŭ tre bone sentas ĝian influon. Ankaŭ la registaro sentas ĝin: la impostoj ne plu donas tiom da mono, kiom ili antaŭe donis. Kaj nun oni komprenеble volas plimalmultekostigi la tutan regadon kaj precipe la parton, kiu kostas plejmulte: la instruadon. Ankaŭ el aliaj partoj de la budĝeto oni forstrekis, sed en la instrua parto oni volas fari kelkajn gravajn ŝanĝojn, per kiuj oni

ŝparos monon, sed per kiuj oni ankaŭ ege malutilos la instruadon.

Oni ne pensu, ke la reorganizaj planoj nur datas el la lasta tempo. Jam en 1926 la instrua ministro fondis komisionon, kiu devis pristudi la plimalmultekostigon, kiu povas esti atingata, sen malutili la viv-interesojn de la instruado. Post kvar jaroj la raporto de ĉi tiu komisiono aperis. La instrua ministro (s-ro Terpstra) transprenis preskaŭ ĉiujn proponojn de la komisiono kaj prezentis ilin al la parlamento.

Mi nun mencios la plej gravajn proponitajn leĝoŝanĝojn.

En nia lando la ŝtato pagas la salajrojn de la instruistoj laŭ listo, kiu estas nomita en la leĝo. En la nuna leĝo la afero estas tiel:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| ĝis 33 | lernantoj: 1 lernejestro | | | |
| 33—72 | lernantoj: 1 | „ | + | 1 instr. |
| 73—116 | lernantoj: 1 | „ | + | 2 „ |
| 117—160 | lernantoj: 1 | „ | + | 3 „ |
| 161—210 | lernantoj: 1 | „ | + | 4 „ |
| 211—260 | lernantoj: 1 | „ | + | 5 „ |
| 261—314 | lernantoj: 1 | „ | + | 6 „ |

ktp.

La atenta leganto vidas ke en malgranda lernejo (kie unu instruisto instruas kelkajn klasojn) ĉiu instruisto havas pli malmulte da lernantoj ol en granda lernejo (kie ĉiu instruisto ordinare nur havas unu klason). Tia bazo estas laŭpedagogia, kvankam la nombro de 32 lernantoj por instruistoj, kiuj instruas 7 diversajn lernjarojn, estas tro granda. Kion nun volas s-ro Terpstra? Li proponas jenon: por ĉiu kvanto de 45 lernantoj aŭ parto de ĉi tiu kvanto la ŝtato pagos 1 instruiston. La listo do fariĝos:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| ĝis 45 | lernantoj: 1 lernejestro | | | |
| 46—90 | lernantoj: 1 | „ | + | 1 instr. |
| 91—135 | lernantoj: 1 | „ | + | 2 „ |
| 136—180 | lernantoj: 1 | „ | + | 3 „ |
| 181—225 | lernantoj: 1 | „ | + | 4 „ |
| 226—270 | lernantoj: 1 | „ | + | 5 „ |
| 271—315 | lernantoj: 1 | „ | + | 6 „ |

ktp.

Vi vidas ke nun oni ne plu favoros la malgrandajn lernejojn, kio estas granda malutilo. Kial la ministro ne plu volas fari tion?

En Nederlando la ŝtato pagas ĉiujn devigajn instruistojn ne nur en publikaj popollernejoj sed ankaŭ en privataj, almenaŭ se la lastaj estas fonditaj laŭ kelkaj leĝaj reguloj. (La komunumoj devas pagi la kostojn por konstruaĵoj, instruiloj kaj lerniloj.) Tiuj privataj lernejoj plejmulte estas religiaj lernejoj, en kiuj oni instruas laŭ difinita vidpunkto. Sed ekzistas multaj religiaj sektoj en Nederlando, kaj tial ĉiu el ili volas havi proprajn lernejojn. Tiamaniere povas okazi ke en malgranda vilaĝo oni vidas 3 aŭ 4 du-lernĉambrajn lernejojn anstataŭ 1 sep-lernĉambra. Tio malutilas la instruadon kaj krome kostas multan monon.

Kaj nun la ministro volas fiksi nur unu nombron. Li asertas, ke tio bremsos la dispartigon de la lernejoj. Mi dubas pri tio.

Mi ĝis ĉi tie nur skribis pri la laŭleĝaj instruistoj, ĉar krom tiuj (de la ŝtato pagataj) la komunumoj rajtas havi „krom"-instruistojn. Tio ofte okazas en la pligrandaj komunumoj. Tiel la klasa meznombro en Hago estas 27 (la plej malgranda el la tuta lando). Sed la malgrandaj komunumoj ne povas pagi tiajn „krom"-instruistojn, kaj ili ja plejmulte bezonas ilin.

Se ni vidas tiun malultilon ni povas kompreni, ke multaj gepatroj kaj geinstruistoj ne estas kontentaj pri la nomita projekto, kaj ke ili laŭte protestas.

Ankaŭ pri aliaj paragrafoj de la projekto la instruistoj ne estas kontentaj. La ĉefajn el ili mi nomos.

En nia lando la instruistoj en lernejaj aferoj tute dependas de la lernejestro (kiu preskaŭ ĉiam ankaŭ instruas klason.) La instruistoj havas nenian decidigan influon kaj nur en kelkaj rilatoj ili povas konsili. Ankaŭ la nova propono fiksas nenian decidigan rajton por la in-

struistoj, kvankam multaj el ili dum longaj jaroj postulis tion. Ili asertas, ke en demokratia lando, kie ĉiu instruisto estas diplomhava persono, ĉiu instruisto ankaŭ devas povi kundecidi pri la lernejaj aferoj.

En la nun funkcianta leĝo onj promesis plibonigon de la kapabligo de la instruistoj. Tiun plibonigon onj neniam efektivigis, ĉar la mono laŭdire mankis. En la nuna tempo la estonta instruisto tralernas specialan lernejon kvarjaran kaj se li bone lernis, li povas akiri la instrudiplomon, kiam li estas dek-ok-jara. Tiam li do povas instrui klason. La instruisto tiam certe estas tro juna por tia respondeca tasko. Ĉu vi nun kredos, ke tia instruisto estas plene rajtigita? Tute ne. Li nur rajtas instrui la elementajn fakojn en unuagrada lernejo (lernantoj 6—14-jaraj), kaj ne povas esti lernejestro. Se li volas instrui aliajn fakojn, ekz. en duagrada popollernejo (lernantoj 12—16-jaraj), li devas akiri ankoraŭ multajn diplomojn: la superan diplomon (kiu ankaŭ donas la rajton esti lernejestro), diplomojn por la franca, germana kaj angla lingvoj, por korpekzercoj, por matematiko, ktp. Oni ne miru, ke neniu instruisto akiris ĉiujn diplomojn.

Tiu studado, kiu postulas multan tempon de la juna instruisto, kiu jam havas malfacilan lernejan taskon, tiu studado tre malutilas la instruadon. La instruistaj unuiĝoj do postulas jenon:

Plilongigo de la studado por la instrudiplomo; studado ĉe la universitato; ĉiu instruisto post tiu studado estu plene rajtigita; se li bezonas pliajn fakajn sciojn, tiam li studu kiel faras advokato, kuracisto ktp., do propravole.

La projekto Terpstra plenumas nenjun el tiuj postuloj, ĝi lasas la aferon proksimume tia, kia ĝi estas.

Ĝis nun mi nur parolis pri la senperaj atencoj kontraŭ la instruado, atencoj, kiuj ankoraŭ ne estas leĝo, ĉar la projekto ankoraŭ ne estas aprobita de la parlamento.

Sed pera atenco jam efektiviĝis. Oni deprenis en la budĝeto 5% de la instruistaj salajroj. Oni diros, ke tio ne estas mirindaĵo, ĉar tio ja ankaŭ okazis en aliaj landoj. Certe jes! Tamen la nederlandaj instruistoj estas tre malkontentaj pro tiu ago. Kaj ili rajtas.

En nia lando la instruistoj ĉiam ricevis tro malgrandan salajron. Juna instruisto ofte komencas kun semajna salajro de malpli ol 20 guldenoj (= 8 dolaroj). Mi nur donos unu ekzemplon, laŭ kiu vi povas juĝi, kiel oni en Nederlando ŝatas la instruistojn. Instruisto 22-jara ricevas 25 guldenojn semajne; 22-jara stratbalaisto en Amsterdamo ricevas 28 guldenojn semajne ! ! Certe, ĉiujare la salajro iomete pligrandiĝas, sed instruisto sen kromdiplomoj atingas la maksimuman sumon de 40,96 guldenoj semajne, dum kiam stratfaristo en Rotterdamo ricevas 56 guldenojn.

Poste oni ricevas, ĉiufoje kiam oni akiris alian (leĝan) diplomon, la trinkmonon de 1 aŭ 2 guldenoj semajne. Sed oni pripensu, ke ĉiu diplomo postulas almenaŭ du-jaran senlacan studadon. Kelkaj kolegoj laboras ĉiutage 6 aŭ 7 horojn por la lernejo, kaj poste ili studas ankoraŭ 7 horojn.

Jam en 1924 onj malpligrandigis la salajrojn, ĉar oni antaŭvidis deficiton (98 milionoj da guldenoj!). Poste la deficito ne aperis, onj eĉ ŝparis 3 milionojn da guldenoj! Ankaŭ en la sekvantaj jaroj oni ŝparis, entute eĉ pli ol 300 milionojn da guldenoj. Sed kiam la instruistoj postulis salajran plialtigon, la registaro ne volis plenumi ĉi tiun postulon. Ĝi diris ke ĝi volas „trankvilecon ĉe la salajra decido“, kaj ĝi malpligrandigis la impostojn. En la nuna tempo denove minacas deficito. Ĉu oni nun plialtigas la impostojn kaj trankvile lasas la salajrojn? Tute ne: oni denove decidis la plimalaltigon de la salajroj, oni decidis tion malgraŭ la akraj protestoj de ĉiuj instruistaj organizaĵoj. W. G.

# Esperanto-Unuiĝo de Berlinaj Geinstruistoj.

Antaŭ pli ol dek jaroj la malnova Esp.-pioniro s-ro Tietsch fondis la Esperanto-Grupon de Berlinaj Geinstruistoj, kiu persiste laboris inter la Berlina instruistaro. Krom tio formiĝis en la lastaj du jaroj el la lernantaro de s-ro Dyba Laborunuiĝo de Berlinaj instruistoj. Du organizaĵoj por pedagogoj ne estis necesaj, tial ni klopodis kunfandi ilin. La lastaj monatoj fakte alportis la celitan unuiĝon per aliĝo de la unuopaj membroj de la laborunuiĝo ankaŭ al la grupo. En la lasta ĉefkunveno ni kronis tiun proceđon per pligrandigo de la estraro kaj elekto de la supra nova nomo.

v. Waldowski, Prezidanto.

---

# Pri la peresperanta eksterlanda infankorespondado.

En la vigla kaj nuntempa multflanka esperantomovado parto kaj eĉ tre grava parto estas ankaŭ la infankorespondado kun eksterlandaj similaĝuloj.

Krome por la esperantomovado mem tiu infankorespondado povas havi grandan signifon ankaŭ por aliaj internaciaj movadoj, ĉar per tia korespondado la kreskanta generacio el diversaj popoloj jam de komenco de sia vivo havas kontakton kun eksterlandanoj; kaj tia kontakto, se ĝi estas bone ordigita, povas esti grava eĉ por la venonta paca kunvivado inter malsimilaj popoloj en la mondo, kio estas konforma al la pensoj de Zamenhof.

Je tiu ĝisnuna korespondado oni, koncerne la skribenhavon, aplikis malsimilajn metodojn. Unu metodo estas, ke la infanoj interŝanĝas objektojn: filatelaĵojn, gazetbildojn, vidaĵkartojn ktp. komprenoble ankaŭ iom skribante samtempe. Alia metodo estas, ke ili leterskribe pritraktas infanajn aferojn, morojn, ludojn ktp.

La infanoj aŭ aparte skribas al eksterlandaj infanoj aŭ ili sendas siajn skribaĵojn kune al grupo de tiaj infanoj, tamen tiamaniere ke ĉiu grupinfano ricevas sian apartan skribaĵon.

Pri la kunhelpado de la instruisto oni povas uzi du metodojn: aŭ la infanoj skribas helpataj de sia instruisto aŭ senpere kaj sen ties helpo.

Per kelkaj linioj mi nun volas priskribi miajn proprajn spertojn koncerne tian infankorespondadon:

En mia klaso kelkaj gelernantoj studas Esperanton kaj korespondas kun eksterlandaj infanoj. Parte ili korespondas aparte kun apartaj adresatoj, kaj parte ili korespondas kolektive. Pri la apartekorespondantoj mi volas diri, ke la korespondado ne ĉiam funkcias bone, bone nur se la instruisto kontrolas kaj gvidas la korespondadon.

Plej bone ni sukcesis pri kolektiva korespondado. Kvar knabinoj en mia klaso korespondas kun kvar knabinoj anglaj. La angla instruistino tre interesigita ordigas kaj gvidas la skribadon de siaj lernantinoj, kaj la samon mi faras por miaj lernantinoj. La knabinoj interŝanĝas samtempe krom tiaj leteroj ankaŭ malgrandajn objektojn: pupojn, ringojn, fotografaĵojn ktp. kaj tre ĝojas unuj pri la aliaj.

La utiloj koncerne tian formon de korespondado ŝajnas al mi esti:

1. la poŝtelspezoj estas malaltaj;
2. la infanoj instigas unuj la aliajn skribi ĝustatempe;
3. la instruisto povas pli facile kontroli la korespondadon, ol se ĉiu skribas aparte.

Laŭ mia opinio la nun priskribita formo de korespondado estas tre bona.

Mi skribis pri tiuj aferoj, ĉar ŝajnas al mi, ke ili povas fari taŭgajn objektojn de interdiskutado, por ke oni iom post iom ricevu la plej efikan metodon por la peresperanta eksterlanda infankorespondado. Estas do dezirinde, ke ankaŭ aliaj interesuloj, kiuj havas spertojn ti a-

rilate, sciigas siajn opiniojn en Internacia Pedagogia Revuo, tiamaniere servante altgrade tiun tre gravan parton de nia movado.

Hjalmar Kihlberg.

---

## 24-a Universala Kongreso de Esperanto

Parizo, 30 Julio — 6 Aŭgusto 1932.

Kongresa Oficejo: La Maison de France, 101, avenue des Champs-Elysées, Paris VIIIe.

Banko: La Société Générale (Agence K) Paris (Konto n-ro 10 115).

Poŝtĉeka Konto: „XXIV° Congrès Universel d'Esperanto, Paris N-ro 1647—59."

Kotizoj: Kongres-kartoj de 101 ĝis la fino kostas po 125 francaj frankoj. Post la unua de julio 1932 la kotizo estos 200 frankoj. Gejunuloj, kiuj ne havos pli ol 17 jarojn ĉe la 1-a de aŭgusto 1932, ricevos junulan kongreskarton por 30 frankoj (post la 1-a de julio 1932 por 60 frankoj). Al blindduloj esperantistaj kaj al ties vidantaj gvidantoj oni donos senpagajn kongreskartojn (po unu).

Fervojaj rabatoj: 1. Belga Fervoja Administracio: 35% de la 15 julio ĝis la 31 aŭgusto 1932.

2. Belga Marvetura Administracio: 30% por la ir- kaj revenbileto Dover—Ostende, de la 15 julio ĝis la 31 aŭgusto 1932.

3. Ĉeĥoslovakaj Fervojoj: 33⅓%, ĉi tiu rabato validas tri monatojn.

Fakaj kunvenoj: Jenaj fakoj sin jam anoncis: T. A. G. E., „Literatura Mondo", Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj, Blinduloj, Fervojistoj. Oni aranĝos specialan viziton kaj akcepton de la kongresanoj en la fama Instituto Pasteur.

Ĉe-kursoj: Petu detalojn de s-ro Jean Marchand, prezidanto de la komisiono pri instruado, 49 avenue de Verdun, Issy (Seine), Francujo.

## Dek jarojn Internacia Pedagogia Revuo

Johs. Kurt Haubold,
Riesa-Gröba (Germanujo).

La ĝermplantoj de nia IPR estas tri hektografitaj kajeroj, redaktitaj kaj presitaj verŝajne de kelkaj francaj instruistoj, el kiuj kreskis la hodiaŭ jam tiom vaste etendiĝanta kaj konsiderinda (— ne flatante nin, ni povas konscie tiel diri —) arbo de la revuo. Bedaŭrinde mi ne sukcesis, havigi al mi tiujn unuajn numerojn; nek la biblioteko de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, nek saksaj kolegoj, kunlaborintaj dekomence, posedas ilin. Sed tio ne malhelpas, prijuĝi la evoluon diversflankan de la gazeto, ĉar bazo por tio estas depost Junio 1922 ĝis Decembro 1931 74 entute 1108-paĝaj kajeroj. Trafoliumante ilin, oni ekkonas tute klare la dekjaran historion de tiu ĉi esperanta fakgazeto kaj grandparte ankaŭ de la esperantista instruistaro.

Ĉu „Novaj Tempoj", revuo de popoledukado (tiel la revuo nomiĝis dum la unuaj tri jaroj), ĉu „Internacia Pedagogia Revuo" (la nomo laŭ decido de la grupo Leipzig, kiu plenumis komision de la estraro de la Saksa Asocio kaj proponon de la kunveno en Edinburg): programo, intenco, volo restis ĉiam la samaj, nome ke la gazeto celu intelektan kaj moralan progresemon, tutan kaj efektivan pacon per popoledukado. La iniciatintoj volis ebligi al la internacia geinstruistaro esperantista la pristudon de pedagogiaj kaj priedukaj problemoj. Kiel speciala karakterizaĵo estis intencate montri la interligadon de tiuj ĉi problemoj kun la socia vivo. Servo al la pedagogio, amo al paco, fido al progreso — tion respegulas la artikoloj, notoj, alvokoj de ĉiu jaro. Tiu firma principo ĉiam estas ekkonebla malgraŭ la diversaj opinioj kaj perceptoj de la redaktoroj kaj aŭtoroj. Ĉar ankaŭ tio estis dekomence kaj restis — dirite kaj nedirite — principo, ke la

revuo ne estu sektema. Ĝiaj paĝoj estis kaj estu aŭdigilo de diversopiniuloj, se ili nur deziras, siaflanke servi al la celoj de la gazeto. Jam la unuaj redaktintoj, verŝajne la francaj kolegoj Boubou, Habert kaj Vittecoq skribis: „Ni devas toleri opiniojn ne konformajn al nia idealo pro respekto al ĉiuj kaj al ni mem. Ni ne volas starigi ian eklezion, malpermesante la tezojn, kiuj kontraŭstaras la niajn". Kaj ankaŭ post kiam laŭ decido de la internacia instruista fakkunsido la 8-an de Aŭgusto 1924 en Wien la saksa esperantista geinstruistaro prenis sur sin la redaktadon, tiu principo restis neŝanĝata. Ni legas en la programoj de la tiamaj redaktintoj Müller (en Auerbach) kaj Pfütze (en Falkenstein): „Ĉar ekzistas multaj ŝtupoj inter la diversaj progresemaj mondperceptoj, ni provos doni lokon al ĉiu direkto. Ni klopodos, ke libereco regu en la unueco, ke diverseco en la pritraktado de pedagogiaj temoj ekheligu ĉiujn flankojn de niaj komunaj celoj". Kaj tiu intenco restis memkomprenebla por ĉiuj aliaj redaktintoj, ĉu por k-o Ludwig (en Pirna), kiu redaktis la V-an ĝis VII-an jarojn de la revuo, ĉu por D-ro Riedel (en Dresden), laborinta kaj redaktanta depost tri jaroj.

La revuo ne estas la verko de unuopaj kolegoj, sed estis kaj estu laborunuiĝo de la esperantista geinstruistaro. Ĉiu kolego-abonanto ne nur havas la rajton, ricevi la gazeton, sed li ankaŭ havas taskojn kaj devojn. Jam la unuaj numeroj mencias kaj akcentas tion. NT kaj IPR nur povis ricevi internacian aspekton per kunlaborado de diversnaciaj gekolegoj. Ne ĉiu estas ema aŭ eble ankaŭ kapabla verki originalajn artikolojn pri pedagogiaj kaj edukaj problemoj, sed multegaj kolegoj povis kaj povas raporti pri siaj spertoj, siaj lernejaj laboroj, siaj vivcirkonstancoj, povas traduki internacie interesajn notojn aŭ artikolojn el sialandaj fakgazetoj. Kaj ankoraŭ alia tasko, eldirita jam en la unuaj numeroj! La paĝoj kaj volumoj de nia revuo ne estu arkivo, en kiu la verkaĵoj restu neuzataj kaj kovriĝu per polvo, sed ĝi estu antaŭ ĉio aktuala servigilo, donanta al niaj diverslandaj gekolegoj materialon, kiun ili traduku por siaj naciaj fakgazetoj. Ĉiuj devas esti konsciaj pri tio, ke ni tiamaniere ne nur plenumas pedagogian taskon, sed ankaŭ respektigas Esperanton en la geinstruistaj rondoj kaj progresigas ĝian movadon, menciante la esperantan fonton de la tradukaĵoj.

Laŭ la diversaj revuaj raportoj la aro de la kunlaborintoj estis dum la unuaj jaroj tre granda. La nove kreita interligilo certe entuziasmigis kaj instigis multajn gekolegojn al kunlaborado. „Multego da manuskriptoj amasiĝis", kaj la redaktintoj devis peti paciencon de la verkintoj rilate al publikigo. Sed tiu komenca ondego malaltiĝis, kaj jam depost la IV-a jaro ni trovas en la gazeto alvokojn, sendi artikolojn, raportojn, sciigojn urĝe bezonitajn. La Ĝeneva ĉefkunsido instruista en 1925 debatis pri nesufiĉa kunlaboro de verkistaj gekolegoj. Oni povas opinii, ke interalie tion kaŭzis, minimume pligrandigis „Tutmonda Pedagogia Esperantista Servo" (TEPS), fondita komence de 1926-a jaro de k-do Boubou post lia eksiĝo kiel prezidanto de TAGE. Li starigis ĝin, „parte por vivigi la esperantistan pedagogian ekmovon, sed ĉefe por dokumenti Internacion de l'Instrulaboristoj kaj diversajn naciajn organizaĵojn kaj tiel organizi nian peresperantan praktikan laboron". Certe estis la intencoj kaj klopodoj de Boubou bonaj kaj dankindaj, kaj hodiaŭ ĉiu verkanta kolego esperantista volonte kaj ĝoje ricevas la materialon, sed la tiama fondiĝo de TEPS devas esti konsiderata kiel danĝera konkuranta entrepreno rilate al la ankoraŭ tro nova revuo. Kvankam la redakcio de NT substrekis la alvokon de Boubou kaj la fondiĝon prijuĝis tre grava kaj subteninda afero, ne mankis ankaŭ kontraŭdiroj, akcentintaj la rivalecon al la revuo. Oni nur legu la respondleteron de Boubou al Degen en Leipzig (V-a jaro, n-ro 4). TEPS suk-

cesis aliaj kunlaborintojn, kiuj ĉefe ne plu verkis por NT. Trafoliumante precipe la V-an kaj VI-an jarkolektojn, oni ekkonas la pravecon de la aserto; la TEPS-a materialo okupas tre grandan parton de la paĝoj.

Sed IPR venkis tiun ĉi krizon kaj sukcesis, se ankaŭ ne senpene, varbi kaj kolekti aron da kunlaborintoj. Kaj nun ambaŭ publikigaĵoj, IPR kaj TEPS, iras siajn vojojn kaj progresas al siaj celoj. Certe oni povas diri, ke la enhavo de IPR plu kaj plu iĝis originala kaj grava. Ni mencias akcentante interalie el la VII-a jarkolekto jenajn numerojn kaj verkaĵojn: Tra la pedagogiaj parlamentoj (n-ro 2/3). Pri la Asocio por Internacia Helplingvo en la Unuiĝintaj Ŝtatoj de Nordameriko — IALA (n-roj 4/5 kaj 11/12), Esplorado pri vortofteco en Esperanto kaj en aliaj lingvoj (n-ro 8); ni atentigas pri la multegaj artikoloj, raportoj, sciigoj de la VIII-a ĝis X-a jarkolektoj, enklasiĝantaj en la redakcian programon, kiu rilatas en siaj scienca kaj aktuala partoj al: La interna ideo, Pedagogia prilaborado de la Esperanto-lingvo, Esperanto en la servo de la pedagogio; al Lernejo kaj socio, Mallongaj raportoj pri la Esperanto-movado, Literaturaj novaĵoj, Sciigoj de TAGE.

Tiujn riĉiĝadon, graviĝadon, etendiĝadon IPR ne nur dankis al siaj malegoismaj kunlaborintoj ĉiuspecaj, sed ankaŭ al siaj subtenantoj kaj abonantoj, kredantaj al bono kaj valoro de ĝiaj celoj kaj taskoj, kiuj plenfide ariĝis sub ili kaj ebligis la kontinuan ekzistadon de la revuo. De 1925 ĝis 1931 (por la unuaj tri jaroj mankas la indikoj) oni nombris abonintojn: 507, 511, 630, 800, 883, 862. Oni devas prijuĝi la sukceson kaj la progreson tiom pli grandaj kaj ĝojigantaj, ĉar dum la lastaj jaroj IPR pro la cirkonstancoj en Sovjetunio perdis preskaŭ 100 tieajn abonintojn. IPR ŝuldas dankon pro la kresko de la abonantaro siajn administrantojn, k-oj Goldberg, Kroeber kaj Hofmann.

Tute ne facila estis la iro al la nuna stato. Sindonaj kamaradoj ebenigis per mondonacoj la vojon, sur kiu NT faris la unuajn paŝojn, kaj ankaŭ en pli postaj jaroj troviĝis diversnaciaj kolegoj, kiuj plialtigis malavare per monhelpo la financojn de la revuo. Dum la unua jaro 1922 „Sennacieca Revuo“ helpis, „akceptante nian kunlaboron en pedagogia fako por al ni transdoni ties kompostaĵojn“. Depost la II-a jaro la artikoloj ne plu aperis samtempe en ambaŭ gazetoj. Sed oni ekkonis la plej grandan malhelpon, por servi al edukado kaj pacifismo, al internacia kulturklerigo kaj universala etiko, en la diseco de la penoj kaj en la multeco de la gazetoj kaj provis, koncentrigi la koncernantajn (8) gazetojn kaj kunigi ilin en unu sola revuo NT. La sukceso de tiuj klopodoj estis, ke depost Majo 1923 NT aperis kiel komuna gazeto samtempe por „Esperantista Junularo“ (infanliteratura gazeto), „Internacia Pedagogia Revuo“ kaj por „Ligo de Liberpensuloj kaj Monistoj“. Per tio NT certe perdis sian unuecan pedagogian aspekton. Tio ree feliĉe ŝanĝiĝis, kiam depost la IV-a jaro la interligo kun junularo kaj liberpensuloj ĉesis.

NT ricevis alian, profesian apogon. Asocio de Germanaj Esperanto-Instruistoj decidis 1924 en Plauen devigan abonon de NT por ĉiu membro kaj krome klopodis, fondi dum XVI-a Universala Esperanto-Kongreso en Wien Internacian Edukistaron, kiu havu NT kiel fakorganon. Laŭ tiu propono ankaŭ la 8-an de Aŭgusto 1924 tie konstituciis „Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj“ (TAGE); unuanime elektita prezidanto unua estis k-o Boubou-Franclando, al kiu sekvis k-o Neužil-Ĉeĥoslovakio en 1925, kaj ties posteulo estas depost 1930 k-o Roome-Anglio. Kvankam la asocio nur estis fondata 1925, NT jam dum la 1924-a jaro havis la subtitolon „Oficiala organo de TAGE“.

Tiuj favoraj decidoj ne povis forigi por ĉiam la malhelpaĵojn, per kiuj la revuo estis barata. Por ke kelkaj malmultaj samideanoj ne devu liveri krom

sia laboro ankaŭ la financan garantion por la gazeto, kaj por ke la vivstato de la revuo estu tute liberigata de financa ŝarĝo, oni eldonis senrentajn akciojn repagendajn post du jaroj. 73 gekolegoj pagis entute 467,90 germ. markojn. Se ankaŭ nur estis eble, likvidi tiun akcian entreprenon nur en la jaro 1931, la helpo ebligis la daŭrigon de la vivo de NT. Memkomprenebla estas, ke la revuo ankaŭ poste ne posedis superfluajn monrimedojn, sed neprofitema laboro de redaktoroj, administrintoj, verkintoj permesis vivon kaj kreskon, celkonsciajn progresojn. Malgraŭ la eksteraj malhelpaĵoj provis la gvidintoj de la revuo, doni plian kroman materialon, kaj per tio valorigi kaj firmigi la interligon inter gazeto kaj abonantaro. Jam en la jaro 1923 ili planis, eldoni „adresaron de tutmondaj edukistoj", kiu fine aperis en Junio 1925 kaj indikis 2200 adresojn. Samaj eldonoj en 1927 kaj 1928 ne estis realigeblaj. Ankaŭ la intenco, okaze de la kunveno geinstruista en la jaro 1927, prezenti broŝuron, kiu traktu lernejpolitikan temon en artikoloj el la diversaj landoj, restis nur deziro. Sed la projektoj, ankaŭ ne efektivigitaj, montras la agemon, la fervoron, la firman volon, dediĉitaj al la revuo.

Ĝis la unuaj monatoj de la jaro 1929 ĉiujn taskojn, problemojn, laborojn ĉefe devis solvi la administranto de IPR. Post la ĉefkunveno de la saksa asocio geinstruista esperantista en la jaro 1928, kiu laŭ propono de Prof. D-ro Dietterle starigis laborkomitaton, tiu komitato ekfunkciis. Apartenas al ĝi reprezentantoj de „Kunlaborado", de Saksa kaj Germana Asocioj de Esperanto-Instruistoj. Ĝi laboris kaj laboras por la progresigo de IALA, por IPR, por propagando inter la instruistaro kaj klopodas, ĝuste solvi ekestiĝantajn problemojn kaj taskojn.

Ankoraŭ unu esenca karakterizaĵo de NT kaj IPR estas menciinda. Jam de la komenco ili volis servi al la alproksimiĝado de la esperantistaj gekolegoj kaj al ties pedagogiaj laboroj. En la jarkolektoj de la revuo estas publikigitaj multnombraj enketaj demandaroj. Ni citas interalie jenajn: Unika lernejo, salajraj demandoj, internacia historilibreto, edukista internacio, seksa edukado, edukado de 12—18-jaruloj vizitintaj nur popollernejojn, lernejoj por enmigrintaj geknaboj, instruo de Esperanto, geometria instruado, porinfana literaturo kaj interna paco, por IALA ktp. Bedaŭrinde pri la rezultoj estas nur tre malofte raportite en la gazeto.

Por alproksimiĝado estis jam en la unuaj numeroj publikigitaj anoncoj pri intergeinstruista kaj interinfana korespondadoj. Depost la IV-a jaro ni povas trovi la sciigojn de Tutmonda Lerneja Servo. La plej bonan aranĝon atingis la adresperado per la „Oficejo por Korespondado", fondita dank' al la klopodoj de Prof. D-ro Dietterle en interkonsento kun IALA kaj kun la laborkomitato por TAGE kaj IPR, kaj administrata de la nelacigebla sekretariino de „Kunlaborado", fraŭlino Moelke en Berlin. La unua „Aldono" de „Internacia korespondado" estas trovebla en la 11-a numero de la 1929-a jarkolekto de IPR. La oficejo publikigis ĝis la fino de 1931 12 listojn, enhavantaj la adresojn de 174 gekolegoj, 13 aliaj korespondemaj personoj kaj 127 lernejaj klasoj. Certe la Korespondo-Oficejo iĝis nova, grava ligilo laŭcele al la starigitaj taskoj de IPR.

Je la fino de la unua jardeko de la revuo ni ne nur devas rigardi la pasintajn jarojn, ankaŭ la estonteco postulas nian atenton. Terura krizo skuas la mondon, ankaŭ la diversnacia gekolegaro suferas ĝin. Sed ĉu ĝi pro tio devas forlasi la movadon? Ne, tute ne! Kontraŭe, ni kredis ĝis nun al la bono, al la neceseco, al la efektivigebleco de niaj idealoj, al kiuj servas IPR. Ne lasu rabi al vi, gekolegoj, tiun kredon! Restu IPR la videbla signo de tiu ĉi kredo! Ĝi kresku malgraŭ ĉio! Gekolegoj, konservu la fidon al viaj idealoj, al viaj pedagogiaj taskoj, al la revuo! Kunlaboru, verku pedagogiajn artikolojn por nia gazeto, montru per tio vian devon al ĝi,

varbu senlace novajn abonantojn, organizu vin en naciaj ligoj, estu fiera, ke vi estas IPR-anoj! Niaj idealoj estas bonaj; la tutmonda gejunularo bezonas nian idealismon. Dokumentu ĝin ankaŭ estonte per via senlaca laboro, per via daŭra fido al IPR!

---

## Por TAGE mi proponas:

Mi hodiaŭ skribas tiun artikolon por proponi al la membroj de T. A. G. E. kelkajn gravajn kompletigojn, precipe pri la organizo sed ankaŭ celoj de tiu asocio.

Mi ricevis de miaj francaj kolegoj multajn leterojn, en kiuj ili faras al mi tiun demandon: „Diru al ni precizaĵojn pri T. A. G. E., precipe ĝiajn tendencojn kaj celojn; ni ne povas pagi unu dolaron, ĉar nia budĝeto estas tro malgranda, cetere ni ne havas tempon por legi I. P. R.; sed ni deziras forte aniĝi al T. A. G. E. Bonvolu do doni al ni ideon pri tiu asocio kaj sciigi la sumon necesan por esti membro, ni sendos al vi tiun sumon kaj poste vi donos al ni nian karton de societano.“ — Vi komprenas mian embarason! Mi estis devigata ilin respondi ke se ili volas esti membro de T. A. G. E., ili devas nepre aboni al I. P. R. kaj pagi unu dolaron. Kompreneble, neniu el ili respondis. Mi samtempe perdis monon mian kaj tempon; tio ja ne estas agrabla.

Do, mi ne plilonge prokrastas por penetri en la temon, kaj alian organizadon mi nete proponas por T. A. G. E. Mi prezentas unue mian ideon al nia kara prezidanto G. W. Roome — li devas esti la unua aprobanto aŭ malaprobanto — kaj poste al la T. A. G. E. anoj petante ilin kritiki sentime.

Mi proponas unue ke T. A. G. E. fariĝu vivanta utila Asocio enhavanta ne nur la abonantojn de I. P. R., sed kiujn ajn geinstruistojn en la mondo kiuj amas Esperanton, kaj deziras subteni tiun asocion.

Kompreneble, tiuj gekolegoj, kiuj ne povas pagi 1 dolaron aŭ ne havas tempon por legi I. P. R., ne ricevus tiun revuon, sed tamen ili partoprenus en nia movado kiel membro de T. A. G. E. Tiam de ili oni postulus malgrandan sumon por la aliĝo, ekzemple 1 markon, (pri tiu aliĝprezo la administranto decidos). Tiun sumon oni uzus ekzemple por presi liston de la membroj de T. A. G. E., kiun oni sendus ĉiujare al ĉiu membro. La abonantoj de IPR, kiuj pagas unu dolaron, estos ankaŭ, kiel nun, membroj de T. A. G. E.

Mi eĉ diras ke, se tiu reformo alvenos, ne nur la instruistoj, sed ĉiu esperantisto — aŭ eĉ neesperantisto — al kiu oni parolos pri nia asocio, pri ĝiaj celoj, demandos eble aliĝi al T. A. G. E. Efektive, mi ricevis du leterojn, unuan de komercisto, duan de laboristo, ambaŭ amikoj de instruistoj, kiuj deziris eniri en T. A. G. E. Mi eĉ ricevis leteron de juĝisto, kiu ne konas esperanton, sed aŭdinte paroli pri nia asocio, li deziras aniĝi. Tede, mi devis doni negativan respondon.

Do, pri tiu unua punkto, mi kredas esti sufiĉe klara. Definitive mia ideo tute ne estas nova. Rimarku la asocion „Universala Esperantista Asocio“; ĝi enhavas membrojn, membro-abonantojn, subtenantojn. Mi ne scias, ĉu oni devas havi en T. A. G. E. subtenantojn, sed mi deziras vigle ke, flanke de la membro-abonantoj, ekzistu ankaŭ membroj.

Al ĉiu homo kiu dezirus aniĝi al T. A G. E., la administranto aŭ la landaj agentoj, liverus membrokarton post kiam tiu nova membro pagis ĉu abonprezon al IPR, ĉu aliĝprezon por T. A. G. E.

Nun, mi venas al dua grava punkto. Se vi relegis la unuan parton de mia skribaĵo vi konstatas ke, en la leteroj, kiujn mi ricevis, oni demandis al mi: „Bonvolu precizigi la celojn, la tendencojn de T. A. G. E.!“ — Al ili mi respondas: „T. A. G. E. estas neŭtrala asocio de geinstruistoj, kies celo estas propagandi per esperanto inter la instruistaro“. Sed kiel mi, ĉiu sentas la nesufiĉecon de tiu respondo; ĝi ne trafas. La celo de T. A. G. E. estas tro ĝenerala. Tiu celo kon-

venas efektive por preskaŭ ĉiuj esperantistaj asocioj.

Malfacile tamen estas doni al T. A. G. E. precizajn direktojn, bone difinitajn celojn. T. A. G. E., tion ni ne forgesu, devas esti, antaŭ ĉio, neŭtrala, sendependa asocio. Ĝia organo I. P. R. estas metata en ĉiujn manojn, en tiujn de komunistaj, de socialistaj, de moderaj, eble de rojalistaj instruistoj. Nia asocio do ne povas havi, laŭ mia opinio, politikan celon. Ĝi devas resti absolute ekstere de la partioj, ĉar, sen tio, ĝi perdas sian unuecon, kaj ankaŭ probable grandan kvanton da membroj.

Ĉu T. A. G. E. devas havi religiajn tendencojn? Mi tuj respondas: Ne, tute ne! La religioj, tra la mondo, estas multnombraj. I. P. R. estas legata de liberpensuloj, de katolikoj, de protestantoj, eble de budhanoj, de mahometanoj, ktp. Kompreneble, se T. A. G. E. ekzemple fariĝos societo de katolikoj, mi, liberpensulo, kaj probable multaj aliaj, malaniĝos. Definitive do ni forlasu por T. A. G. E. celon religian!

Rimarku, mi ne volas diri pri tio, ke en la revuo I. P. R. oni devas forlasi temojn politikajn aŭ religiajn! Tute ne! Tio cetere estus neebla. Ekzemple, kiam mi parolos pri nia franca laika lernejo, kiun mi konsideras kiel grandan progreson kompare al la lernejoj, kiuj ankoraŭ ĝemas sub peza jugo de eklezio, mi ja faros politikon kaj religion. Kompreneble mi donas mian opinion personan, la kolegoj katolikaj, protestantaj, ktp., estos tute liberaj akcepti ĝin aŭ premi sub piedoj. En tiu momento, ne forgesu, mi parolas nur pri T. A. G. E., kaj mi deziras trovi por ĝi, celon gravan, taŭgantan por ĉiu instruisto, ĉu rojalista aŭ komunista, ĉu liberpensula aŭ sincere kredula!

Kia do estas la temo, al kiu ĉiuj, malgraŭ niaj diferencoj de opinio, ni aspiras? Ĉu vi ne kredas, karaj tutmondaj gekolegoj, ke ni ĉiuj ne enfermas en nia koro la pian kulton de l' paco? Ĉu vi kredas, ke la geinstruistoj povas nur malmulte por la paco, por ĝin daŭrigi? Ho! ne, ne kredu tion, mi petas! Ni povas multe, multege! Multe pli eble ol la Ligo de Nacioj, kies agado restos sterila, ĉar en la kor' de l' homoj la malfido ankoraŭ superregas kaj regos ĝis kiam ni, la edukantoj, la gvidantoj de la popoloj, starigos novan generacion, al kiu ni lernigis respekti ĉiun, kiu, sur tero, vivas, pensas kaj suferas, al kiu ni lernigis kaj pie amigis tiun noblan senton „Internaciamo". Jes, nia laboro estas granda, nia laboro estas malfacila, ĝi estas paŝado sur roka vojo, sed se kune ni metadas nian sindonecon, niajn penojn, certe iam ni venkos! Ni povas multe! Se forte ni volas, se nia ankoraŭ malgranda asocio fariĝos iun tagon potenca, ni detruos, en la spiritoj, la ideon pri milito, tiun abomenaĵon, kiu devas esti senprokraste forĵetita apud la kruelan antikvan sklavecon.

Mi esperas, karaj legantoj, ke ĉiuj vi opinias, kiel mi, ke ĉiuj vi preferas vivi pace kaj ke ĉiuj vi komprenas, ke la edukantoj, en la tuta mondo, devas esti la unuaj pioniroj de l' paco — kaj tio por ili estas relative facila. Unue, ni instruas la infanojn de l' popolo, kaj vi ja bone scias, ke la cerbo de infano estas beleta ĝardeno el riĉa tero, en kiu la bona pacema semo ĝermas kaj floras. Ne forgesu due ke la instruisto estas, precipe en urbetoj, persono respektata kies parolo estas aŭskultata, ŝatata, kaj ke lia agado kontraŭ ŝovinismo povas esti fruktodona.

Do, mi nete proponas por T. A. G. E. difinitan pacan celon! Mi proponas ke T. A. G. E. estu asocio de geinstruistoj — aŭ de gesamideanoj — kunligitaj unue per la lingvo esperantista, due per la kuna pedagoga laboro, trie kaj precipe per fratega reciproka amo de l' paco.

Mi proponas, ke ĉiun jaron, kiam ĉiu membro de T. A. G. E. renovigas sian abonon aŭ aliĝon, kiam nova membro aniĝos, li subskribu aliĝtekston enhavantan la principdeklaradojn de la asocio. Jen modelo kiun mi humile proponas al la T. A. G. E.-anaro.

Fariĝante ano de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj, mi tutkore promesas:

1. Propagandi per ĉiuj miaj fortoj, kaj per ĉiaj honestaj rimedoj, por plimultiĝi en mia lando la nombron de la esperantistoj, precipe meze de la instruistaro.

2. Klopodi senlace por ke en mia lando la lingvo esperanto estu instruata en ĉiuj lernejoj kiel la aliaj naturaj lingvoj.

3. Senlace varbi novajn membrojn por la asocio T. A. G. E. kaj novajn abonantojn al ĝia organo I. P. R.

4. Neniam diri en mia klaso, antaŭ la infanoj, unu vorton de malfido, de malamo kontraŭ alia popolo.

5. Forlasi la militemajn klaslibrojn, kaj precipe eviti kiel venenon tiujn lernlibrojn de landhistorio, kiuj ekscitas ŝovinismon, konsiderigas militon kiel ludon, kaj preparas niajn malfeliĉajn infanojn al nova buĉado.

6. Montri ofte al miaj lernantoj la stultaĵon de militoj, dum kiuj la suferantaj amasoj, la laborantaj popoloj fariĝas nur viktimoj. Montri samtempe, laŭeble per gravuroj, per taŭgaj legaĵoj, per vivantaj rakontoj, la teruran abomenaĵon de moderna milito. Enprofundigi en la spiriton de l' infano, ke milito kaj morto estas nun absolute sinonimoj.

7. Montri ofte al miaj lernantoj ke ĉie sur la vasta tero la popoloj amas vivi kaj labori pace, ke en Francujo, en Germanujo, en Anglujo, en Svedujo, en ĉiuj landoj, oni, krom kelkaj fihomoj, konsideras militon kiel peston de l' homara gento.

8. Sentigi ofte al miaj lernantoj, kiom danĝeraj estas, en malpuraj kaj potencaj manoj, la armeoj, kiom danĝeraj estas preparadoj al defendo. Montri al ili ke nur kompleta senarmigo povas neprigi daŭran pacon.

9. Penetrigi en la koron de miaj lernantoj tiun novan kaj belan senton nomatan Internacia estimo, Internacia respekto, kiu estas nun la necesa komplemento de l' patriotismo. Montri al la infano ke tro ami sian patrujon estas danĝerega, ke tio ne estas patriotismo sed nur ŝovinismo kiu kondukas rekte unue al malfido, due al armeo, trie al milito.

10. Fari ĉiujn miajn klopodojn ekstere de la lernejo, por lukti kontraŭ tiu serpento ŝovinismo, kaj profiti ĉiujn okazojn por denunci la mensogojn de l' ĵurnaloj, por detrui la malfidon inter popoloj kaj anstataŭi ĝin per atmosfero de reciproka konfidemo.

Kompreneble, tio estas nur skizo, malbona skizo. Eble mi forgesis gravajn punktojn. Kelkaj paragrafoj estas eble tro longaj, ne sufiĉe precizaj. Mi do demandas sincere al la gesamideanoj, kritiki sen timo, precipe tiujn principdeklaradojn.

La ideo krei asocion de geinstruistoj ne nur formala per la abonantoj de I. P. R. povas esti malbona, nerealigebla. Mi juĝas nur pri Francujo, kaj eble mi ne pravas. En Francujo, mi estas certa ke multe da gekolegoj, kiuj ne volas legi aŭ ne povas pagi I. P. R.-on, enirus tamen plezure en fortan tutmondan asocion de geinstruistoj.

La principdeklaradoj estas pli diskuteblaj kaj povas esti neutilaj, tamen ne estas mia opinio. Mi opinias ke la membroj de asocio kiel T. A. G. E. devas esti kunligitaj per solena, reciproka promeso kiu konvenas por ĉiuj partioj, nacioj, dogmoj kaj tendencoj.

Ĉe la dorsa parto de la membrokarto oni eble povus resumi tiamaniere la celon de T. A. G. E.

T. A. G. E. — neŭtrala kaj sendependa asocio — celas:

1. Disvastigi la uzadon de esperanto inter la tutmonda instruistaro, kaj propagandi por ke tiu lingvo estu instruata en ĉiuj lernejoj.

2. Plifaciligi la konadon de la modernaj ĉiulandaj pedagogiaj metodoj per artikoloj en la organo I. P. R. kaj kreado de interinstruistara koresponda oficejo.

3. Kreskigi inter siaj membroj ne nur solidarecon sed fortan konfidemon kaj amikecon por batali kune kontraŭ ŝovi-

nismo, por planti en la koron de l' infano la kulton de l' paco kaj starigi la moralan malarmadon.

T. A. G. E. donas:

Al la Membroj: membrokarton kaj poste liston kun la adresoj de ĉiu membro de la asocio (eble ankaŭ la listojn de korespondservo).

Al la Membro-abonantoj: Krom tio la revuon I. P. R., internacia organo de la geinstruistoj esperantistaj, kun artikoloj pri ĉiulanda pedagogio, lerneja vivo, instruista vivo, literaturo, kongresoj kaj movado.

Al la Subtenantoj? (pri tio decidos, se estos bezone, la administranto). Kotizoj: membro, 1 marko? — membro-abonanto, 1 dolaro — subtenanto, 3 aŭ 4 dolaroj?

Jen miaj proponoj. Mi esperas ke ili plaĉos al nia estimata prezidanto kaj al la abonantoj de I. P. R. Mi petas la kolegojn kiuj havos seriozajn kritikojn, skribi al nia prezidanto kaj mi demandas al nia simpatia redaktoro Kurt Riedel, ĉu li konsentus, en venonta numero, publikigi la plej interesindajn rimarkojn. Kune ni devas konstante serĉadi plibonigon de nia revuo, plibonigon de nia asocio, kaj tute ne estas hontindaĵo, se niaj ideoj, kiel eble la miaj, „falas en la akvon".

En Champtoceaux, la 30-an de Jan. 1932.

P. Pichon,
reprezentanto de I. P. R. en Francio.

---

# Oficialaj kunsidoj

**de la internacia tutmonda Esperanto-instruistaro en Parizo dum la XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto.**

La Kongresa Komitato jam nun promesis ĉian helpon por ebligi du kunvenojn dum taŭga tempo kaj en taŭgaj ejoj.

Ni fiksis la jenan provizoran programon:

1. Salutvortoj de la prezidanto de la kunvenoj.
2. Ĉefparolado pri pedagogia temo.
3. Raportoj de la oficialaj delegitoj
   a) por IPR kaj TAGE;
   b) por IALA kaj Kunlaborado.
4. Diskutado.
5. Interparolado pri konkretaj proponoj kaj sugestoj rilate al Esperanto-praktiko en lernejoj kaj instruistara rondo.

Jam hodiaŭ ni petas ĉiujn gekolegojn, kiuj intencas partopreni la kongreson, nepre viziti niajn kunvenojn kaj sciigi tion kiel eble plej baldaŭ al la prezidanto de la laborkomisiono por TAGE kaj IALA, s-ro M. Goldberg, Im Lumbsch, Oetzsch bei Leipzig, Germanujo.

La laborkomisiono por TAGE
kaj IALA.

---

# Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj.

**Ĉefkunveno en Chemnitz**

okaze de la 21-a Germana Esperanto-Kongreso la 14-an de Majo (Sabaton antaŭ Pentekosto) 2.30 posttagmeze en la hotelo „Chemnitzer Hof".

T a g o r d o :

1. Raportoj;
2. Parolado: 10 jaroj Int. Ped. Revuo (lernejestro Haubold-Riesa);
3. Diskuto;
4. Diversaĵoj.

Schneller, prezidanto.

Proponoj por la kunveno ĝis la 20-a de Aprilo skribe al la prezidanto (Adreso: Leipzig W. 31, Jahnstr. 18).

---

# Sukceso por IPR.

Imitinde laboris niaj agentoj en Francujo kaj Nederlando. Depost Januaro 1932 s-ro Pichon en Francujo gajnis 20 novajn abonantojn kaj s-ro Korte en Nederlando 19. Dankon al ili! Ni sekvu ilian modelan laboron!

---

**La venonta numero aperos eke de majo.**

---

**Konservu ĉi tiun folion,**
**kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!**

Aldono al IPR.

# Korespondo-Oficejo, Listo 13.

# A

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

**N-ro 175.**
1. A. H. Rogers 2. komerca instruisto 3. 28-jara 4. a) P. O. Box 672 b) Marshfield c) Oregon d) Usono 5. ĉiulandaj gesamideanoj 6. ĉiuj temoj 7. resp. garantiata.

**N-ro 176.**
1. Janko Pali 2. popollerneja instruisto 3. 33-jara 4. b) Quepajro de Himaro d) Albanujo 5. ĉiulandaj gekolegoj 6. lernejaj aŭ ĉiuj aliaj temoj 7. interŝanĝo, p. m., nacilingvaj gazetoj, korespondo esperante, greke, albane france, itale, angle.

**N-ro 177.**
1. Louis Le Mat jr. 2. privata instruisto pri muziko kaj Esperanto 3. 21-jara 4. a) Lange Kerkstraat 68 b) Ter Neuzen c) Zeeland d) Nederlando 5. junuloj (ne -inoj!!) 14—18-jaraj. Eble post iom da tempo ankaŭ kun kolegoj havantaj scion pri pedagogia psikologio 6. Kun junuloj pri ĉio ilin interesanta. Kun kolegoj pri la „adolescencio" (la transirepoko) de la (virseksa) junularo. 7. Studante la nomitan sciencon kaj interesante verki post kelke da jaroj disertacion pri la disvolviĝo de la knabo, mi tre ŝatus la alsendon de dokumentoj koncerne tiun aferon (taglibroj, leteroj, konsideroj, poeziaĵoj ktp.), ĉiuj komprenebl.e verkitaj de junuloj. Se eble oni samtempe informu min pri la verkinto.

**N-ro 178.**
1. Karl Metzner 2. profesoro de la ŝtata „Oberrealschule" en Leitmeritz, estro de la „Freie Schulgemeinschaft in der Jugendsiedlung zu Leitmeritz" 3. 51-jara 4. a) Jugendsiedlung b) Leitmeritz c) Bohemujo d) Ĉeĥoslovakujo 5. interesuloj 6. gimnazia instruado bazita sur Esperanto kiel unua fremda lingvo.

**N-ro 179.**
1. Grigorij Ivanoviĉ Poloskov 2. instruisto en vilaĝa popollernejo 3. 35-jara 4. a) ŝkola, der. Leontjevka b) razjezd Anastasijevka, Juĵn. ĵ. d poŝto Ivnica c) C. Ĉ. O. d) Rusujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. diversaj temoj 7. interŝanĝo de diversaj objektoj.

**N-ro 180.**
1. Germaine Renauld 2. popollerneja instruistino 3. 23-jara 4. a) Ecole laïque de filles b) Beaumont en Véron c) Indre et Loire d) Francujo 5. gekolegoj tutmondaj 6. iu ajn temo 7. informiĝoj pri klopodoj por paco kaj instrumetodoj en ĉiu lando.

# B

1. Lando kaj loko de la lernejo? 2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi? 4. Aĝo de la lernant(in)oj?
5. Ili deziras korespondi kun? 6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto", kiu aranĝos la korespondado-aferon?

N-ro 128.
**Germanujo.** 1. Welper bei Hattingen (Ruhr) 2. popollernejo 3. 2 lernantoj 4. 12- kaj 14-jaraj 5. tutmondaj gelernantoj 6. iu ajn temo, interŝanĝo de pk. :l 7. skribu al Friedrich kaj Wilh. Menzel, Welper bei Hattingen (Ruhr), Rathenau-str. 49.

N-ro 129.
**Germanujo.** 1. Chemnitz i. Sa. 2. popollernejo 3. 35 gelernantoj 4. 12-jaraj 5. gelernantoj rusaj kaj japanaj 6. la fremda lando 7. instruisto Herbert Meusel Grüner Winkel 51, Chemnitz i. Sa.

N-ro 130.
**Germanujo.** 1. Oelsnitz i. V. 2. popollernejo 3. 13 lernantinoj 4. 12-jaraj 5. infanoj el aliaj eŭropaj landoj 6. lerneja kaj hejma vivo per p. k., leteroj, desegnaĵoj ktp. 7. instruisto Erich Wohlrab, Oelsnitz i. V., Siedlung.

N-ro 131.
**Svedujo.** 1. Abisko (Laponio) 2. popola (elementa) lernejo 3. 10 gelernantoj 4. 10—15-jaraj 7. instruisto Th. Lindblad, Abisko.

N-ro 132.
**Svedujo.** 1. Kiruna (Laponio) 2. popola lernejo 3. 30 gelernantoj 4. 13—15-jaraj 7. instruistino Sundberg, Centralskolan, Esperanto-kursoj, Kiruna.

N-ro 133.
**Svedujo.** 1. Malmberget (Laponio) 2. popola lernejo 3. 30 gelernantoj 4. 13—15-jaraj 7. Jakob Lalander, Malmberget.

N-ro 134.
**Rusujo.** 1. Kiev (Ukraino) 2. Esperanto-rondeto ĉe Kieva Centra Domo de Klerigo (Klubo de Geinstruistoj) 3. 20 gekursanoj 4. 15—55-jaraj 5. la tuta mondo 6. ĉio interesa — deziras interŝanĝi librojn, il. gaz., p. k. il., afiŝojn manlaboraĵojn, div. kolektaĵojn kaj ekspoziciaĵojn 7. instruisto D. Viktorov-Ĉeĥoviĉ, Klovski Spusk 2, Kiev, USSR.

# C

Skemo ne povas esti starigata, ĉar la deziroj estos tre diversaj. En ĉi tiu rubriko oni anoncu siajn dezirojn, ordigante la sciigojn laŭeble same kiel en skemo A aŭ B.

N-ro 16.
1. Fraŭlino Eric Evans, M. B. Lond. 2. ? 3. 58-jara 4. Brynkynallt, Bangor c) North Wales d) Anglujo 5. tutmondaj gesamideanoj 6. pacmovadoj, internacionalismo ktp.

**Noto pri antaŭaj numeroj:**

**N-ro 151** de rubriko A (Listo 8) petas pri nova teksto de la anonco:
1. Max Hartwig 2. popollerneja instruisto 3. 35-jara 4. a) Berliner Str. 1? b) Wolgast c) Pommern d) Germanujo 5. ĉiulandaj gekolegoj 6. ĉiuj temoj 7. interŝanĝo de infanaj laboroj, traktaĵoj, artikoloj, desegnaĵoj, kajeroj, fotoj ktp.

**N-ro 25** de rubriko B (listo 2) ripetas sian anoncon.

---

**Karaj gekolegoj!**

Mi kore petas vin, ke vi nepre respondu al mia letero, kiun vi ricevos baldaŭ. Ĝi rilatas gravan aferon de nia Korespondo-Oficejo.

Mi salutas vin, esperante ke vi ne seniluziiĝos min denove. Martha Moelke.

---

Pri ĉio, kio rilatas la Korespondo-Oficejon, turnu vin nur al:
D-ro Dietterle, Leipzig W. 31, Seumestr. 10,
aŭ sub ties adreso al: F-ino M. Moelke.

**Bonvolu tuj renovigi la abonon por la jaro 1932!**

# Premioj por varbado!

Por ĉiu NOVE VARBITA abonanto de IPR vi ricevos ¼ de la sendita abonkotizo en la jaro, kiu sekvas al la abonjaro.

Ekzemple, se vi varbas 2 NOVAJN abonantojn por 1932 kaj sendis la abonkotizojn kun la koncerna informo al la administranto de IPR, vi havos krediton de ½ dolaro (½ abonkotizo) ĉe IPR por 1933.

Kiu varbas kvar NOVAJN abonantojn por 1932, ricevos senpagan jarkolekton 1933 de IPR.

Do ni konkuru en intensa varbado!
PROPRA PROFITO! — PROGRESIGO DE L' MOVADO!

**Varbu anoncojn por IPR!**

Por viaj klopodoj vi ricevos procentojn!
Postulu la tarifon de la administranto!

*Interesajn artikolojn*

*sendu al la redaktoro. (Eble pri la temo: la instruista kaj lerneja vivo laŭ la vidpunkto de la mondkrizo.)*

**Kiu tuj sendas sian abonon, helpas al plua kresko de IPR!**

## Ĉu vi volas

malantaŭenpuŝi nian movadon?

## Ĉu vi volas

haltigi la kreskadon de TAGE?

## Ĉu vi volas

malfaciligi la laboron de la administracio?

## Se ne,

tiam bonvolu tuj reaboni kaj pagi vian kotizon al la administranto aŭ al via landa agento!

Administracio: Kurt Hofmann, Felgenhauerstrasse 63, Riesa (Germanlando). Poŝtĉeka konto Dresden 26379

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.